IXa jaro. No 142 (6) ☆ Duonmonata ☆ 5 Aprilo 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . . . 2. — Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . . . 2. 50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 16 Sd. (40 ct.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . 20 Sd. (50 ct.)

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## La scienca organizo de la laboro

Usona inĝeniero, S-ro Winslow Taylor, el Philadelphia, estas la elpensinto de scienca metodo pri la organizo de la laboro en la uzinoj, dank'al kiu li, post longaj esploroj kaj eksperimentoj, sukcesis pligrandigi la laboristan produktadon en tre notinda proporcio. Lia metodo, jam aplikata en multnombraj Usonaj uzinoj, komencas disvastiĝi en Eŭropo, kaj tie renkontas admirantojn kaj fervorajn malamikojn.

El kio do konsistas tiu scienca organizo de la laboro?

S-ro Taylor rimarkis, ke la malŝparado de la laborista forto havas tri ĉefajn kaŭzojn:

1e La ĉe la laboristoj enradikigita eraro, ke la pligrandigo de la laborkapablo de ĉiu homo aŭ maŝino havas kiel konsekvencon la maldungon de certa nombro de laboristoj.

2e La malbonaj sistemoj de organizo ĝenerale uzataj, kiuj ofte devigas la laboriston mallabori por gardi liajn interesojn.

3e La preskaŭ ĉie uzataj empiriaj metodoj, dank' al kiuj la penado de la laboristo estas malbone uzata.

En la uzinoj, kie li laboris, S-ro Taylor rimarkis, ke ekzistas multaj manieroj plenumi saman laboron kaj ke malsamaj iloj estas uzataj.

El la metodoj kaj iloj uzataj en iu operacio, ekzistas ĉiam unu metodo kaj ilo pli rapidaj kaj pli bonaj ol la ceteraj. Tio povas esti eltrovata nur post scienca analizo de ĉiuj metodoj kaj iloj uzataj en la uzino; tiu analizo devas havi kiel bazon precizan kaj detalan studadon de la movoj kaj de la tempo. Tiamaniere la scienco iom post iom anstataŭos la empirismon en la laboraranĝo.

La fundamenta filozofio de la malnovaj sistemoj konsistas en tio, ke ĉiu laboristo havas la respondecon plenumi sian laboron, kiel li volas; li por tio ne bezonas ricevi konsilojn de la direkcio. La izoleco de la laboristo kaŭzas, ke plej ofte estas por li neeble labori konforme al la reguloj de la scienco de lia metio. Efektive, la scienco, laŭ kiu estas direktataj la operacioj de ĉiu laboristo, estas tiel komplika, ke eĉ la plej sperta laboristo ne povas ĝin akiri, pro manko de antaŭa edukiteco aŭ de intelektaj kapabloj. Li devus esti gvidata kaj helpata de siaj ĉefoj kaj de siaj kolegoj. Por efektivigi iun laboron konforme al sciencaj leĝoj, la direkcio de la uzino devas mem unue studi kaj efektivigi la necesajn operaciojn. Tiuj preparaj studoj permesos al la laboristo labori pli bone kaj pli rapide ol antaŭe, sed por tio li devos ĉiutage konformiĝi al la konsiloj kaj instrukcioj de siaj ĉefoj. Tiu intima persona kunlaborado inter la direkcio kaj la laboristoj estas la esenco de la scienca moderna organizo. Ĝi malaperigis ĉiujn barojn je la maksimuma produktado de ĉiu homo kaj de ĉiu maŝino. Plialtigo de la salajroj de 30 ĝis 100 %, konstanta interrilatado de la laboristo kun la direkcio, forigis ĉiujn kaŭzojn de mallaboremo. Nuntempe, 50.000 usonaj laboristoj laboras en tiuj kondiĉoj. Ili ricevas salajrojn 30 ĝis 100 % pli altajn ol la homoj laborantaj en najbaraj uzinoj laŭ la malnovaj metodoj; la kompanioj, kiuj ilin dungas, estas prosperaj; la produktado duobliĝis; inter dungantoj kaj dungatoj ekzistas sincera kunlaboro. Almenaŭ tion asertas S-ro Taylor.

Ne nur la laboristo havas novan devon, sed ankaŭ la direkcio. Tiu ĉi devas esplori la tradiciajn labormetodojn uzatajn de la laboristoj je diversaj epokoj, ilin klasigi, kompari, dedukti la regulojn, leĝojn kaj formulojn, kiuj de nun devas gvidi la laboristojn en la ĉiutaga laboro. Tio montras, ke nur grandaj entreprenoj povos apliki tiun metodon, kiu necesigas la instalon de speciala oficejo, kie estas zorge studataj ĉiuj demandoj rilataj al la labororganizo kaj al la

diversaj operacioj plenumataj en la uzino. La laboro de ĉiu laboristo estas preparata de la direkcio almenaŭ unu tagon antaŭe. Ĉiu homo ricevas detalajn skribajn instrukciojn, kiuj difinas la plenumotan taskon kaj la manieron ĝin efektivigi. Oni fiksas ne nur tion, kion li devas fari, sed kiel li devas labori kaj en kiom da tempo. Ĉiufoje, kiam laboristo taŭge plenumas sian taskon en la montrita tempo, li ricevas plialtigon da 30 ĝis 100 % je la ordinara salajro. La taskoj estas zorge preparataj, tiel ke ilia efektivigo postulas konsciencan kaj zorgan laboron, laŭ rapideco, kiu neniam malutilas al la sano. Ili devas esti tiel preparataj, ke la homo, kiu plenumos ilin, estu kapabla tiamaniere labori dum pluraj jaroj sen malfortiĝo de la sanstato. El la preparado de tiuj taskoj konsistas grandparte la scienca organizo.

* * *

Ekzemplo estos pli trafa ol longa disertacio. En Bethleem, ĉiu laboristo transportis en unu tago 12 tunojn de ferfandaĵo. Jen kiel Taylor procedis por pligrandigi tiun kvanton:

„Schmidt (tia estis la nomo de la laboristo eksperimentata) komencis labori kaj, la tutan tagon, je regulaj intertempoj la homo kiu per poŝhorloĝo kontrolis lin, diris: „Prenu kaj marŝu, haltu, sidiĝu, marŝu, sidiĝu, k. t. p." Li laboris kaj ripozis, kiam oni ordonis; je la kvina vespere li estis ŝarĝinta 47½ tunojn. De tiam li ne ĉesis labori je tia rapideco. Li gajnis 9,25 fr. tage, anstataŭ 5,75 fr. laŭ la ĝistiama tarifo... La aliaj laboristoj estis same ekzercataj unu post la alia; ĉiu transportis 47½ tunojn tage kaj ricevis salajrojn 60 % pli altajn... Se Schmidt estus sola por ŝarĝi la 47½ tunojn, sen sperta gvidanto, li certe estus trostreĉinta sian korpon kaj je tagmezo estus jam lacega. Kun la helpo de homo sperta pri la laborreguloj, lin helpanta kaj direktanta ĝis li kutimiĝis ripozi je regulaj intertempoj, li sukcesis labori la tutan tagon sen trostreĉiĝo..."

En la verkoj de S-ro Taylor oni trovos multajn similajn ekzemplojn.

Tiu sistemo postulas la kunlaboradon de la direkcio kaj organizon pli komplikan ol la antaŭa. Tiu organizo konsistas el: 1e personoj komisiitaj por prilabori la sciencon de la laboro, studante la tempojn kaj la movojn; 2e spertaj laboristoj, kiuj instruas, helpas kaj gvidas siajn laborantajn kolegojn; 3e personoj provizumantaj la laboristojn per la necesaj iloj; 4e oficistoj, kiuj antaŭe preparas la taskojn de la diversaj laboristoj kaj kontrolas la ĉiutagajn profitojn de ĉiu laboristo.

Restas la demando, ĉu tiel komplika organizo ŝparigas. S-ro Taylor montras la rezultatojn post trijara sperto. Jen la komparo inter la malnova kaj la nova sistemo.

| | Malnova sistemo | Nova sistemo |
|---|---|---|
| Nombro de laboristoj | 400 ĝis 600 | 140 |
| Tunnombro po homo | 16 | 59 |
| Meza salajro de laboristo | 5,75 fr. | 9,40 fr. |
| Kostoprezo po tuno | 0,360 „ | 0,165 „ |

S-ro Taylor aldonas la jenajn rimarkojn:

„Serioza enketo pri la kondiĉo de tiuj homoj montris, ke el 140 laboristoj nur du estis drinkemuloj. ... Multaj el ili ŝparis monon, kaj malgraŭ tio vivis pli komforte ol antaŭe. Tiuj homoj estis la plej bela laborista trupo, kiun la aŭtoro vidis. Ili konsideris siajn estrojn, subestrojn kaj kontrolistojn kiel la plej bonajn amikojn, kiuj helpis ilin por gajni salajrojn multe pli altajn ol antaŭe. Estis vere malfacile naski seriozan konflikton inter dungantoj kaj dungatoj."

Oni ne devas kredi, ke tia sistemo estas tute aplikebla tuj je la komenco. La aŭtoro opinias, ke du ĝis tri jaroj, eĉ kvar kaj kvin, estas necesaj por plene apliki la diritan sistemon en iu entrepreno. Kiam oni flanke lasas tiun psikologian faktoron, malgraŭ ĉiuj materiaj prizorgoj, la provo malsukcesas. Pluraj eksperimentoj tion pruvis.

* * *

Al la sistemo Taylor oni riproĉis, ke ĝi havas kiel rezultaton la selektadon de la plej bonaj kaj fortaj laboristoj kaj la forigon de la mezbonaj kaj mezfortaj homoj. S-ro Taylor respondas, ke la sistemo devas esti aplikata, tiel ke ĝi ne malutilu al la sano de la individuo. La ekzemploj, kiujn li citas, montras tamen, ke ofte oni estis devigata forpermesi eĉ inteligentajn kaj konsciencajn laboristojn, kiuj ne povis elporti la streĉiĝon rezultantan el tiu sistemo.

Laboristoj riproĉis, ke krom tio, plialtiĝo de la salajro ne estas proporcia je la kresko de la produktado.

Oni ankaŭ povas dubi, ĉu tiu sistemo, kiu asimilas la homon je maŝino, ordonas la plej etajn movojn, ordonas la ripoztempon, allasas nenian liberecon dum la laboro, estas aplikebla al ĉiuj popoloj. Granda franca aŭtomobilfabriko antaŭ nelonge provis tiun sistemon. La rezultato estis, ke ĉiuj laboristoj strikis kaj postulis la restarigon de la antaŭa sistemo. Ĉu tiu maŝinigo de la laboristo ne stultigos lin? Ĉu, se ĝi estus ĝeneraligata, tiu sistemo ne havus kiel konsekvencon, eliminon de ĉiuj mezbonaj laboristoj, kiuj pligrandigos la armeon de la senlaboruloj kaj de la ribeluloj kontraŭ la nuna civilizacio? Ĉiuokaze, ŝajnas nedubeble, ke la ĉefoj de entreprenoj, kiuj uzos la fruktodonajn ideojn kaj spertojn de S-ro Taylor, devas tion fari kun moderecο kaj prudento. *A. R.*



## SOCIA VIVO



### La problemo de Atlantis

IV

Mi akceptis kunhelpon de du famaj francaj geologoj kaj ni ekzamenis la okcidentajn bordojn de Afriko en tiu regiono, kie ili laŭ la opinio de mia avo kontaktis je Atlantis. Ni konstatis, ke la tuta marbordo estas plena je postsignoj de vulkanaj erupcioj. Iom pli malproksime de l'marbordoj, ĉi tiuj postsignoj malaperis. En la distanco de kelke da mejloj ŝajnis, kvazaŭ la areo estus per vulkanaj fortoj perforte deŝirita de la bordoj. Tie ĉi mi trovis objekton, kiu posedas neprikalkuleblan valoron por miaj celoj: Infanan kapon el la sama metalo, kiel la ringo kaj la medaloj. Ĝi estis eniĝinta en treege malnova vulkana cindra tavolo. La ĥemia analizo pruvis, ke ĝi estis farita el la sama kurioza fandaĵo, kiun mi pli supre jam priskribis. Tamen la tutan rezultaton de tiu ĉi ekskurso mi ne povas tie ĉi detaligi. Ĝi estas treege grava, kaj krom la miaj apogata ankaŭ de aliaj pruvoj.

Mi forveturis Parizon kaj vizitis la posedanton de tiu Mezamerika kolekto, kiun aludis mia avo. Li konsentis, ke mi povu disrompi lian strigokapan vazon. Troviĝis en ĝia fundo samforma kaj sammateria medalo, identa kun miaj tri medaloj, escepte, ke la hieroglifoj estis alie ordigitaj. Nun jam la ĉeno konsistas el kvin ĉeneroj: la medaloj de l'sekreta kolekto de mia avo. La Atlantisa vaza medalo. La medaloj de l'Egipta sarkofago. La medalo de l'Mezamerika vazo. La infankapo trovita sur la Marokaj bordoj.

Poste mi forvojaĝis en Mezamerikon, Meksikujon, kaj Peruon. Mi igis esplorfosadi la tombejojn kaj enterigitajn urbojn. La Chucuna-vala tombejo, kie estas entombigitaj la antikvaj Chimus-oj, liveris riĉegan materialon en alia direkto. Mi trovis romperojn de vazoj strigokapaj, sed medalon eĉ ne unu. Sed mi trovis aliajn aĵojn de simila graveco. Tiajn surskribojn, kiuj surprizos la mondon! Ĉe la Teohnatleanaj piramidoj en Meksiko mi trovis medalojn el la sama fandaĵo, sed kun aliaj surskriboj.

Mi rajtas supozi, ke tiujn ĉi strangajn medalojn oni uzis kiel monerojn en Atlantis *antaŭ kvardek mil jaroj.*

Kaj tion ĉi mi asertas ne nur baze sur miaj esploroj, sed ankaŭ apogante min sur *aliaj esploroj* de mia avo, kiujn mi ankoraŭ ne menciis. La templo de „Travidebla Muro“ estis unu el la trezorejoj de l'malaperinta kontinento. Ĉar la Atlantisanoj, kaj post ili la Egiptoj, la Mayaoj kaj la Chimus-oj estis nacioj, kiuj havis pastran organizon, estas nature, ke la templo estis la fokuso de l'socia kaj politika vivo, la lulilo de l'arto, scienco, edukado kaj religio. Inter la faktoj, kiujn mi komunikos en mia libro, estos klaraj montroj pri la „Urbo de Oraj Bordegoj“ kaj la templo de „Travidebla Muro“.

Tiu ĉi lasta estis ordinare grava publika konstruaĵo. Ĝi estis malfermita por la popolamaso. Mi ne scias, ĉu la atributo „travidebla“ devas esti konsiderata nur en metafora senco, aŭ ĉu la muroj de l'preĝejo estis efektive travideblaj. Sed mi povas pruvi, ke la Fenicioj ellernis la fabrikadon de l'vitro de tiu popolo, kiu estis loĝanta trans la Herkules-aj kolonoj. (Gibraltar.)

Pro manko de spaco mi ne povas nun pritrakti la hieroglifojn kaj aliajn skribaĵn pruvaĵojn, kiuj atestas, ke la civilizacio de Egiptujo, Mykene, Mezameriko, Sudameriko kaj de l'regionoj de Meztera-maro havis komunan originon. Ĉi tiuj pruvaĵoj estas nerifuzeblaj. Nun mi priparolos la tradukon de Maya-a manuskripto, kiu formas parton de fama Troja manuskriptkolekto de Le Plongeon kaj legiĝas jene:

„En la 11a „Muluk“ de 16a „Kan“ jaro, en monato „Zac“ komenciĝis terura tertremo, kiu daŭris ĝis la 13a „Ĉuen“ La argilomontetoj kaj la tero de „Mu“ malaperis. Du fojojn ili leviĝis, poste ili dum iu nokto malaperis, seninterrompe skuitaj de subtera fajro. La tero malleviĝis, poste releviĝis en pliaj lokoj multfojojn.

Fine la supro de l'kontinento malaperis, la partoj dispeciĝis kaj malleviĝis. Kune kun ĝi pereis 64.000.000 homoj ok mil jarojn antaŭ la skribado de tiu ĉi libro.“

En la kolekto de malnova Lhassa-a Budha-preĝejo troviĝas antikva Khaldea surskribo el la jaro 2000 antaŭ Kristo. Ĝia teksto estas la ĉisuba:

„Kiam la astro Bal falis sur tiun spacon, kie nun estas nur maro kaj aero, la Sep Urboj kune kun la „Oraj-Bordegoj“ kaj la „Travideblaj“ temploj ekskuiĝis kaj tiel tremadis, kiel la foliaro de arboj en ventego. Fajra maro kaj fumo eliĝis el la palacoj. Bruo, mortbatalado kaj ĝemegoj de popolo plenigis la aeron. Ĝi serĉis savon en la temploj kaj fortikaĵoj. Kaj tiam ekstariĝis la saĝulo Mu, la Ramu-a ĉefpastro, kaj diris: „Ĉu ne vere, mi ja profetis ĉion ĉi tion?“ La virinoj ornamitaj per multekostaj juveloj, kaj viroj en brilaj vestaĵoj plende kriis: „Savu nin, Mu!“ Kaj Mu respondis jene: „Vi mortos ĉiuj kune kun viaj sklavoj kaj trezoroj kaj el viaj cindroj leviĝos novaj gentoj. Kaj se ili forgesos, ke ili estas superuloj, ne pro tio, kion ili portadas sur siaj korpoj, sed pro tio, kion ili devas havi en la koro, tiam ankaŭ ilin atingos la sama sorto.“ Flamo kaj fumo sufokis la parolojn de Mu. La tero kaj ĝia loĝantaro estis dispecigita kaj daŭre de kelke da monatoj tute englutitaj“.

Kian sencon havas ĉi tiuj du historioj, unu el Tibet, la alia el Mezameriko, ambaŭ koncernantaj la saman superakvegon kaj la kontinenton de Mu?

Kiam mi estos publikiginta ĉiujn miajn pruvojn, tiam Atlantis ne estos plu mistera.

Nun mi momenton reiras al tiu dokumento de mia avo, kiu estis la elirpunkto de miaj esploroj. Post priskribo de tiuj surskriboj, kiujn li trovis en la Mykeneaj templaj tomboj, li daŭrigas jene:

„La religio de l'Egiptoj estis tipa sunadoranta religio. Ra estis la Dio de Suno ĉe la Egiptoj. La religio de l'Mezamerikaj Maya-oj estis la sama. Kas Ra-Na estis la sundio de l'antikvaj Peru-anoj. Dum miaj longdaŭraj arĥeologiaj studoj mi konstatis, ke ĉiu popolo havis infanecon kaj primitivan civilizacion. Sed nenie mi trovis iun postsignon de primitiva sovaĝa egipta aŭ Maya-a raso. Ne ekzistas tia epoko, dum kiu ili ne havis kanalojn, bonegajn ŝoseojn, piramidojn, templojn, kiam ili ne subakvigis siajn kampojn, ne konis la medicinon, la astronomion kaj sistemon de progresinta publika administrado. Tiel la Maya-oj kiel la Egiptoj samstile konstruis siajn urbojn kaj templojn, kun tia teĥnika scio kaj lerteco, kiu ankoraŭ nun estas mistero al la nunaj inĝenieroj. Nek la Maya-oj, nek la Egiptoj apartenis al la nigra, sed al la flava raso.“

Lepsius en la Egiptaj ceremonioj konstatis la samajn sanktajn simbolojn, kiel en la ceremonioj de Praperuanoj. Le Plongeon, la fama franca arkeologo, trovis en Ĉiĉen-Itza, en Jucatan, ekzakte samajn monumentojn de Dio, kiamaniere la Egiptoj figuris la grandan Dion Thoth.

La Egiptaj kaj ankaŭ la Mezamerikaj piramidoj estas tegitaj per la sama delikata, brila, kaj ekstreme fortika cemento, kian la nunaj teĥnikistoj ne kapablas produkti.

La Amerikaj kaj la Egiptaj piramidoj estas samstile konstruitaj kaj la kvar tranĉoj de iliaj flankoj koncentriĝas en la sama astronomia punkto, kaj linio trapasanta ilian centron tiel tie kiel ĉi tie rigore montras la meridianon. La mezuro de l'gradoj kaj ŝtupoj estas egala kaj la plej grandaj piramidoj estas dediĉitaj al Suno. Trad.[1] *St. Schulz* (Del. Kassa).

---

## Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj

III

En Buenos-Aires oni estas kvazaŭ en Eŭropo. Tial, la vojaĝanto avida je kuriozaĵoj kaj fremdaĵoj, forkuras al la kamparo, trans la grandaj *estancias*, proksimaj de la urbo, en la grandegajn glatajn *pampas*, kiuj elvokas la poezion de la soleco kaj de la silento. Ekster la blanka domo, kiu kaŝiĝas malantaŭ la eŭkaliptoj, nenia altaĵeto aperas sur la verda ebenaĵo, kie oni dum longaj horoj veturas, persekutante la horizonton, kiu senĉese malproksimiĝas. Oni tie vidas timemajn ŝafojn sin paŝtantajn kun la fiera virbovo, scivolajn bovinojn, kiuj alproksimiĝas al la vizitanto kaj poste forgalopas. Tie aperas strutoj, kiuj kun balanco de sia longa kolo rapidege forkuras per siaj tuberaj kruroj, disfaldante la flugilojn, kiujn ili uzas kiel direktilon. Malproksime, forflugas granda birdo, blanka aŭ rozkolora; apude, ironia noktuo fikse alrigardas vin. Ĉevalidoj kaj sovaĝaj ĉevalinoj, ĉe la alproksimiĝo de l'homo, time forkuregas blekante de angoro kvazaŭ ili antaŭsentus la estron, kiu pli malfrue ilin submetos al sia volo.

Apud la *estancia*, la *gauchos*, kies vejnoj konservas la lastajn restaĵojn de la indiana sango, piedsidas ĉirkaŭ la fajro ensorbante la *mate* per la arĝentaj tubetoj. Ilian krurojn envolvas la *ĉhiripa* kaj ilian paŝadon ritmas la metalbruo de la spronegoj kaj de la medaloj pendantaj ĉe la ventrozonoj. Sed la *pampa* nun altiĝas. Jen Mendoza kaj la flankaj montoj de l'Andoj. Forlasinte la urbon oni laŭiras vicojn de poploj paralelaj al kaktoj. Kelkaj altaĵoj montriĝas antaŭ la bluaj montoj, super kiuj aperas la neĝaj pintoj. Ni penetras en grizan, dezertan kamparon; la kripla vegetaĵaro, kiu kreskas inter la ŝtonoj, malaperas en la montogorĝoj, kiujn la transanda fervojo nun trapasas. La montomuroj pliproksimiĝas unu je la alia; super la kapoj vidiĝas rubando de blua ĉielo. Estas dezerta pejzaĝo, kies senmovecon iomete rompas la bruo de l'rivereto, kiu fluas en la profundaĵo de l'intermonta krutaĵo.

[1] El gazeto *Pesti Hirlap*.

Kiam la vagonaro forlasis la labirinton de la miljaraj koridoroj traboritaj en la ŝtonego, ĝi estas atinginta la altajn altitudojn; antaŭ ni staras la superbelaĵoj de Alpa pejzaĝo. Tamen tiuj montoj havas nenion eŭropan: estas Alpoj, de kiuj la vivo estus forprenita. Forestas la pinoj, eĉ la ŝtona musko. En la fino de valo, l'Aconcagua, majesta sub la blankega robo, staras harmonie en la turmenta ĥaoso de la rokegoj.

La vagonaro fajfas kaj ni eniras tunelon. Ni estas nun en Ĉilio. Iom da vivo reaperas sur la tero; torento falas funde de abismo, kaj pli malproksime neĝa pinto respeguliĝas en la lago de l'Inca.

* * *

La Andoj, kiujn la vagonaro trapasas nur de tri jaroj, estis ĝis tiam barilo starigita inter du civilizacioj. Ĉe la Atlantika bordo, la urboj konstante komunikas kun Eŭropo; ĉiumonate ili ricevas milojn da enmigrantoj. Nacioj unuecigitaj per la leĝoj de l'progreso progresas kaj transformiĝas kun mirinda rapideco. Ĉe la Pacifika bordo, vivas urboj, kie netuŝite konserviĝis la postesignoj de la hispana superregado, pli puraj rasoj, kiuj renoviĝas per si mem, sen ekstera enmigrado.

Inter Buenos-Aires kaj Santiago de Ĉilio, frapanta estas la kontrasto. Ĉe la unua, urbo fiera pri sia noveco; ĉe la alia, urbo, kiu konservas la malnovajn palacojn pli zorgeme ol la novajn, kie ĉe ĉiu stratangulo renkontiĝas ia rememoraĵo aŭ legendo. En la Argentina ĉefurbo la popolo ne havas lokan karakterizon: tra la stratoj iras homoj vestataj laŭ Eŭropa modo. En la Ĉilia ĉefurbo, kontraŭe, multaj *rotos* havas la energian vizaĝon, la brunan koloron kaj la glatajn harojn de la Araŭkanoj. Ili ne konas alian mantelon ol la *poncho*, kiu falas sur la brusto kaj la dorso kiel pastra mesvesto.

Neĝuragaho en la Andoj kaj la postuloj de l'vojaĝo ne permesis al mi resti multajn tagojn en Santiago. Mi travivis plurajn tagojn, tiel maloftajn en tiu regiono. Sub la malalta ĉielo, la Ĉilia ĉefurbo, ordinare tre vivplena, aperis al mi bela kaj melankolia. En la sunaj landoj, la pluvo haltigas ĉian vivon. Mi vidis kvietajn stratojn kaj silentajn domojn; en la avenuo de Las Delicias, larĝa kaj arboplantita, kiu estas la *paseo* necesega al ĉiu hispana aŭ hispanamerika urbo, mi renkontis nur kelkajn homojn, kiuj rapide marŝis. La parko Consino, kie trapasas la elegantaj fiakroj, estis dezerta.

Belaj estas la virinoj, kapvestataj de la *manta*, kiu kovras la kapon kaj ĉirkaŭpremas la kolon, montrante nur la regulforman ovalon de l'vizaĝoj kaj la purecon de la nigraj okuloj, famaj eĉ en Ameriko, kie la beleco estas tiel ofta. Mi bedaŭris, ke mi ne povas partopreni en la promenado de la popolamasoj sur la sablaj aleoj, dum hela tago.

Nenio estas pli malgaja ol sunlanda urbo sub la pluvo. Ho! la magio de la lumaj nomoj: Napoli, Sevilla, Granada; Rio, Montevideo, Santiago! Kiam pluvas ĉe tiuj urboj, ili ŝajnas ĉirkaŭvolvataj de funebra vualo. Kia disreviĝo por la vojaĝanto, kiu vidas ilin sub tiu aspekto!

La pluvo tamen ĉesis kaj la nuboj enlasis iom da heleco, kiam mi supreniris la Cerro de Santa Lucia. Ĝi staras meze de la urbo; la Hispanoj ĝin antaŭe kronis je fortikaĵo. La sono de la sonoriloj suprenflugas ĝis la pinto. La malhelaj eŭkaliptoj tremetas ĉe la tuŝo de l'venteto, kaj supre de l'Cerro San Cristabal grandega bildo de la Virgulino benas la urbon. La proksimaj Andoj superregas Santiago'n per siaj blankaj pintoj — mirinda fonpentraĵo, kiun la suno ruĝe kaj malve kolorigas.

(*Daŭrigota.*) *Charles Lesca*
Trad.[1] *A. R.*

[1] El *Revue d'Europe et d'Amérique.*

## Artefaritaj floroj

Literaturisto iam diris: Parizo estas Paradizo por virinoj kaj Infero por ĉevaloj. Oni povas dubi pri la vereco de tiu sentenco. Mi pensas utile meti antaŭ la okuloj de la legantoj la subajn liniojn elĉerpitajn ne el anarkista aŭ revolucia gazeto, sed el la Oficiala Gazeto de la Franca Labora Ministerio. Kvankam la ciferoj estas eble iom lacigaj, mi opinias utile konigi tiujn faktojn.

* * *

Kontraŭe al multaj industrioj, kiuj nuntempe elmigras en la francan provincon la industrio de la artefaritaj floroj estas ĝis nun fiksita en Parizo; la aliaj lokoj, kie oni ĝin renkontas estas tre malmultaj. Oni povas citi nur Reims kaj Orléans, kie oni fabrikas ordinarajn artikolojn, kaj Lyon, kiu havas la monopolon de specialaĵo: la blanka floro por komuniiĝo kaj la floro por altaro.

Oni faris demandojn al 416 personoj: 321 laboristinoj, 60 entreprenistinoj, kiuj estas ĉiuj malgravaj entreprenistinoj havantaj samajn laborkondiĉojn kiel laboristinoj, kaj 35 mastroj kiuj donis informojn pri sia industrio, ĉefe pri la hejma laborado.

Kelkaj artikoloj estas faritaj en laborejo kaj hejme, aliaj preskaŭ ĉiam hejme. En Parizo, la laboristaro faras hejme la unuajn el tiuj artikoloj, kiel la rozo; ili estas, laŭ la mastroj mem, same bone farataj kiel tiuj prilaborataj en laborejo. La laboristoj rekrutiĝas plej ofte inter la laborejaj laboristinoj, kiuj, dank' al sia ĉiutaga praktiko, akiris nedubeblan lertecon.

Inter la artikoloj ĉefe faritaj hejme estas unue la malgranda floro. En tiu klaso oni apartigas unuflanke la violon, la sovaĝan narcison, la lekanton, aliflanke la konvalon, la miozoton, la siringon k. t. p. La fabrikado de la unuaj floretoj postulas pli da fingrolerteco kaj da bonvolo ol da kono; la laboroj de muntado kontraŭe postulas precizajn teknikajn konojn. Por munti branĉeton de miozoto, konvolvulo, aŭ siringo, oni bezonas sufiĉe spertajn laboristinojn, kiuj laborlernis 2 aŭ 3 jarojn.

La luksa floro estas farata de virinoj havantaj grandan lertecon ĉar la plimultaj speciale prilaboras la saman floron de post 8, 10, 15, eĉ 40 jaroj. Cetere la floristino en preskaŭ ĉiuj specialaĵoj plenumas la saman metion dum la tuta vivo.

Dum kelkaj laboristinoj laboras solaj, aliaj estas helpataj de samfamilianinoj, proksimume triono. Ne sole pri la labora organizado, sed ankaŭ pri la salajro oni devas apartigi tiujn du laboristinajn klasojn. La granda malsimileco de la enhavo de la familiaj laborejoj malpermesas kalkuli la salajrojn, kiuj estas la produkto de la komuna laboro. Estas tute malsimile pri la solaj laboristinoj.

Inter tiuj lastaj en Parizo — koncerne la rozo, unu el la plej bonaj specialaĵoj, oni devas rimarki, ĉar la fakto estas malofta inter virinoj, ke proksimume kvinono de la laboristinoj gajnas 4 ĝis 5 frankoj (1,60 ĝis 2 Sm.) tage. Tiuj salajroj ne estas sole por ordinaraj laboristinoj, sed ankaŭ por laboristinoj modelkreantinoj, kiuj povas esti konsiderataj kiel artistinoj en tiu fako. Ne ĉiuj rozistinoj gajnas same; triono el ili gajnas de 1 ĝis 2 frankoj (0,40 Sm. ĝis 0,80 Sm.) tage. Por la malgranda floro la salajro estas tre malalta. Kvarono de la laboristinoj gajnas maksimume 1 fr. (0,40 Sm.) tage. Tiu salajro ne estas ĉiam neta. Ekzemple, kelkaj por varmigi sian ilon farante „Parman Violon“ elspezas 0,15 fr. (0,06 Sm.) tage. La duono de tiuj laboristinoj ne gajnas tage pli ol 1,05 ĝis 2 fr. (0,42 ĝis 0,80 Sm.) En la malgranda floro, 25 % de la laboristinoj loĝas en malsanigaj loĝejoj, ofte unika ĉambro, kaj 32 % ne povante

vivi per sia laboro, estas helpata de la publika filantropio, kiel almozpetantinoj!

Entute en Parizo mem la salajroj de tiuj laboristinoj pri specialaĵoj estas malgrandaj: 49 % gajnas malpli ol 1 frankon (0,40 Sm.) aŭ de 1 ĝis 2 frankoj (0,40 ĝis 0,80 Sm.) tage. En la provincoj la ³/₄ gajnas same. Oni devas rimarki, ke la supre montritaj salajroj estas pagataj dum la bona sezono; kaj dum la malfavora sezono ili estas malpligrandigataj je duono aŭ triono, eĉ ofte la senlaboreco estas kompleta.

La labortago dum la bona sezono ne superas 10 horojn. Tamen la dekhora labortago estas pligrandigata laŭ la sekvanta proporcio: Parizo — rozo 52 %; malgranda floro 42 %. Aliparte kelkaj parizaj laboristinoj, kiuj devas rapidigi urĝan laboron, laboras partan aŭ tutan nokton.

La parizaj laboristinoj, kiuj laboras la tutan jaron (22 %), estas konsiderataj kiel privilegiulinoj. La senlaboreco daŭras por 24 % de 1 ĝis 2 monatoj jare, 23 % de 3 ĝis 5 monatoj kaj 18 % de 6 ĝis 7 monatoj jare. En la fako de la rozo estas unu kategorio, la ruĝa rozo, kiu estas tute farata hejme. La plimulto de la laboristinoj deklaris, ke la manfarado de tiuj floroj donis kapdolorojn, nazkatarojn, stomakdolorojn eĉ vomadojn — konsekvenco de la laboro.

En Reims, kie la ruĝa rozo estas loka specialaĵo, 26 inter 33 laboristinoj havas metiajn malsanojn. En Orléans 10 laboristinoj el 33 suferas. Fine en Parizo, kie oni ne multe fabrikas tiun specon, 10 % malsaniĝas.

La ruĝkoloro, nomita de la laboristinoj la malbona ruĝo, entenas plumbajn salojn, kiel pruvis la ĥemia analizo. Oni konas la venenigan povon de la plumbaj saloj eĉ se oni ensorbas ĝin en malgranda kvanto.

Resume, la enketo aperigas la jenajn konstatojn: 1ᵉ forta proporcio de malaltaj salajroj; 2ᵉ ofta kutimo de longaj labortagoj dum la favora sezono; 3ᵉ longaj periodoj de senlaboreco. La fiksado de minimuma salajro por la hejmaj laboristinoj ŝajnas la sola rimedo, kiu nuntempe permesos iom helpi al la plibonigo de la situacio de tiaj laboristinoj.

*E. Souchay* (Konsulo, Paris).

## Por la paco

Saira Essedin-Kisy, tre glora turka verkistino en Konstantinoplo adresis publikan leteron al la virinoj de Rusujo, krion pri paco, kiu estas vere kortuŝanta.

„Rusaj virinoj! — Viaj emoj kaj moroj tute diferenciĝas de la niaj. Mi konas verkistojn rusajn, sed mi neniam vidis rusan virinon per miaj propraj okuloj. Kaj tamen laŭ mia opinio mi konas vin, vian grandanimecon, vian oferemon, vian flaman entuziasmon, kiujn Turgenjew kaj via granda Tolstoj tiel rave priskribas! Ĉar mi legis tiel multe pri vi, mi kuraĝas per flugo de mia animo transsendi al vi alvokon trans la Bosforon kaj la Nigran Maron, por ke ĝi trovu eĥon en via lando. Aŭskultu ĉi tiun alvokon de Turkino, eĉ se ĝi sonas al vi sensence kaj ridinde! Kiom ajn penas niaj turkaj gazetoj kaj diplomatoj konvinki nin, ke oni malŝatas nin en Rusujo rigardante nin kiel bandon, kiu kalkulas milionojn da friponoj, kanajloj kaj sovaĝaj bestoj senanimaj — tamen tion mi ne kredas! Ni ja estas tute la samaj blankaj homoj kiel vi, kaj ni ja havas kune kun vi la amon al la ĉielo, al la suno, al Dio, al la familio, al la popolo kaj al la devo!

„Milita kriado trasonas la tutan Turkujon!... Sed ne estas vidataj de l'ekstera mondo riveregoj de larmoj, kiuj estas verŝataj en la domoj kaj haremoj, kie patrinoj benas siajn filojn antaŭ ol ili elmarŝos por gardi la turkan landon kontraŭ la malgloro. Ne ni komencis la militon, ne ni mortigis unue homon! Ĉu la kristanoj vere ne povus trovi alian rimedon, por finigi la konflikton kaj malpacon daŭrantajn de multaj jarcentoj!... Ne mankas al vi scienculoj, grandanimaj profetoj kaj sanktigitaj protektantoj de la mondpaco, sed tamen vi unue ekkriis: „Venĝon, morton, homan sangon“! — La superstiĉo certe instigis kelkajn el ni al premego de kristanoj kaj al ĝeno de najbaraj kolonioj, tamen per tio ne estas pravigita la elvoko de tuta lando, kies popolo kiel tutaĵo — tion mi ĵuras per la amo al Alah — ne estas kulpa en tio kaj ne partoprenas la interbatiĝojn kaj konfliktojn.

„Vi respondos al mi, ke oni jam provis ĉion vane por puni kaj ekstermi la krimulojn... Sed tion ne diru; ĉar tio estas nur mensogo de la diplomatoj, trompo de la politikistoj kaj elpensaĵo de la ekspluatantoj kiuj jam de longe avide rigardadis la kompatindan ekspluatatan turkan landon, por disŝiri ĝin en pecojn. Nia popolo pri nenio pli sopiras ol pri paco, kunsento kun la najbaroj kaj pri trankvilo kaj ĝojo hejme! Ĝi estas pli pacema ol iu ajn alia popolo en la mondo, kaj facile vi estus povinta konvinkiĝi, se vi volus proksimiĝi al nia animo kaj cedi malnovegajn antaŭjuĝojn! Por kio estas la sangverŝado, por kio estas la teruraĵoj de la milito kaj la amasoj da kadavroj!

„Kunvenu la plej bonaj homoj de la Slavoj kun la plej bonaj homoj de la Turkujo en kongreso kaj serĉu kune rimedon kaj vojon al paca alproksimiĝo de la Balkanaj popoloj kaj al elradikigo de la malico, kiu metas malluman vualon sur nian landon!...

„Forigu la diplomatojn, kiel la viajn tiel ankaŭ la niajn! — Forigu la iniciatantojn de la malamikeco kaj de la malordo! Oni havigu lokon al la popolo, kaj lasu ĝin mem paroli!

„Ni ne volas fosi tombojn, sed ni batalas kun malĝoja animo; ĉar la larmoj de niaj georfoj devigas nin al tio. La nura penso terurigas nin, ke nia feliĉo kaj tiu de la Slavoj estas naskota per sango kaj per la morta konvulsio de niaj patroj kaj filoj!...

„Do voku ankaŭ vi, rusaj virinoj, al la paco; ne ekbruligu la militan torĉon; ne ekflamigu la pasion de niaj malamikoj kaj ne postulu venĝon!... La milito konas neniun dion kaj neniun homan animon; ĝi estas sovaĝa besto... sed ni ne bezonas militon, kiel ni ne bezonas havi forlasitajn familiojn kaj malfeliĉajn infanojn...

*Sairy Iseddin-Kisy,* (Konstantinoplo).

Trad.[1] *H. Tressel* (Del. München).

## Kontraŭ la bruo

Antaŭ kelkaj jaroj fondiĝis, en diversaj landoj, ligoj kontraŭ la bruo en la stratoj kaj publikaj lokoj: en Nord-Ameriko kie S-ro Rice kreis iun *Society against unnecessary noise;* en Londono, kie estis fondita *Abatment Society* kaj en *Germanujo* kie ekzistas de la jaro 1908 grava organizaĵo nomita: *Antilärm-Verein.* Fine, en la ĉefurbo de Britujo okazis, la 14 aŭgusto 1912, la unua kunveno de la reprezentantoj de la „Internacia Asocio kontraŭ la nenecesa bruo“.

La movado en tiu direkto estas nun ageme antaŭenpuŝita kaj certe ju pli grava montriĝos ĝia oportuneco, des pli kreskos ĝia disvastigado kaj multobliĝos ĝiaj progresoj. La kontraŭbruemuloj opinias — kaj multaj opinias same kiel ili — ke ilia agado estas utila, eĉ necesa: efektive, ĉiutage pligrandiĝas la loĝantaro de nia planedo kaj se ĝia kreskado ne haltas — ne kredinde — post kelkaj jaroj ni ne plu povos nin aŭskulti. En 1880 estis sur la terglobo proksimume 950 milionoj da homoj; nune ili estas 1570

[1] El la ĵurnalo: *Die Frau der Gegenwart.*

milionoj. Precipe kreskas la nombro de la Eŭropanoj: 175 milionoj en 1800, 510 milionoj en 1913. Dum periodo de jarcento, ili triobliĝis; post 2 aŭ 3 jarcentoj, kovrante la tutan globon, la homaro estos tiel densa, ke 3 personoj havos apenaŭ unu kvadratan metron por loĝi...

Ekvidu, aŭ pli ĝuste, ekaŭskultu la tiaman bruon! Netolerebla, vi diros. Ĝuste por kontraŭbatali tiun teruran maloportunaĵon fondiĝis societoj kontraŭ bruo, kiuj nuntempe, kuraĝe laboras por detrui ĉian nenecesan kaŭzon de bruo.

Unu el la agadmanieroj de tiuj ligoj estas la starigado de „kvietaj zonoj". Tiuj zonoj, kiuj ĉiam estas kreitaj ĉirkaŭ la preĝejoj, lernejoj, malsanulejoj — ĉirkaŭ, unuvorte ĉiuj ejoj, kie trankvileco estas pli ol aliloke necesa — estas sub la protektado de la policanaro. Similaj zonoj ekzistas en Londono kaj en kelkaj gravaj usonaj urboj: ĉe la anguloj de la stratoj lokitaj en tiuj zonoj, pendas afiŝegoj ordonantaj al la veturigistoj ke ili malrapidu kaj petantaj la kondukistojn de la tramvojoj ke ili ne uzu siajn bruemajn sonorilojn.

En tiuj kvartaloj, kompreneble, la vivo estas trankvila, senbrua kaj certe milfoje pli agrabla ol en la plej komercaj kaj aferaj partoj de la urbo.

Alia tre grava progreso konsistas en la forigo, precipe en la laboristaj kvartaloj, de la bruego kaŭzita de la infanoj. En New-York dank'al originala ideo de la fama, mortinta, humoristo Mark Twain, ekzistas buba sekcio de la nacia ligo: 6000 geknaboj apartenas al la sekcio: ili portas sur siaj vestaĵoj malgrandajn insignojn kun tiu surskribo: *Humanity*. Aliĝinte ili promesas, ke ili ne ludos sur la trotuaroj sed sur speciale rezervitaj „*Play grounds*"; inter ili estis starigita vera polico kaj ili estas la samaj, kiuj kontrolas la plenumadon de la ligeto, kiun ili volonte akceptis.

Pri la domoj mem, S-ro Lessing, iniciatinto de la germana „*Antilärm-Verein*" imagis la „bluan liston", kie estas enskribitaj ĉiuj domoj, kies fondantoj apartenas al la ligo kaj kiuj faris, en siaj konstruaĵoj, ĉiujn reformojn kaj riparojn necesajn por la forigo de la neutilaj bruoj.

Rilate al la cirkulado tra la stratoj, multaj plibonigoj estas farotaj: anstataŭado, en multaj kvartaloj, de la ŝtona per ligna aŭ asfalta pavimo; provo de kaŭĉuka pavimado; forigo de la cirkulado, en la centraj kvartaloj, de ĉiuj pezaj kaj nature bruaj veturiloj; neceseco, por ĉiuj aŭtomobiloj — eĉ poŝtaj, aŭ transportaj — havi kaŭĉukigitajn radojn, k. t. p.

La batalo kontraŭ la bruo prezentiĝas kiel iu nova formo de tiu grava socia movado por la plibonigado de nia ĉiutaga vivo kaj por la necesa reformo de ĝiaj kondiĉoj: ĉar la problemo plej grave interesas ĉiujn homajn klasojn, de la riĉulo aŭ de la klerulo ĝis la plej modesta laboristo, ni atendas ĝian baldaŭan solvadon kaj devas, laŭ niaj fortoj, helpi la efektigon de tiel homamaj reformoj.

*M. Génermont.*

# ❁ NOTOJ ❁

.·. **La germana milionpresejo.** — Ĉiu scias ke la germanaj poŝtmarkoj, la markoj por la ŝtata invalidasekuro, la banknotoj estas presataj en la ŝtata presejo en Berlino, sed malmultaj havas la okazon rigardi la presejon por ekkoni, kiom multe da valorpaperoj oni presas. Oni ekkonos la laboradon aŭdante ke ekz. en 1910 oni presis: 4,645,837,000 poŝtmarkojn aŭ potage 15,486,120 ekz. Preskaŭ simila estas la kvanto de l'aliaj monvalorantaj paperoj presitaj. Oni presis:

| | | |
|---|---|---|
| 3,983,585 | ekz. | de banknotoj je 5 kaj 10 mark, |
| 10,540,300 | „ | „ ŝtatbanknotoj (20, 50, 100 mark k. t. p.), |
| 27,617,400 | „ | „ aliaj valoraj paperoj, |
| 471,634,000 | „ | „ stampitaj poŝtkartoj kaj mandatoj |
| 435,553,000 | „ | „ asekuradmarkoj, |
| 414,118,000 | „ | „ markoj por la cigareda imposto, |
| 336,780,000 | „ | „ de valoraj markoj por alia. |

Oni ne estos mirigita legi, ke por tiu grandega laboro ne plu sufiĉas la ordinaraj presmaŝinoj kaj ke oni uzas specialajn — rotaciajn maŝinojn — kiuj malgraŭ, ke ili tiel rapidege presas, liveras plejbonan presaĵon, markojn tute finitajn por la tuja uzado. — *R. Kreutz* (Frankfurt a. M.).

.·. **La petrolindustrio en Rumanujo.** — Post la terkulturado, la ĉefa riĉaĵo de Rumanujo estas la petrolo. Ĝia ekspluatado datumas de preskaŭ 50 jaroj, sed nur en la lastaj dekjaroj, ĝi eksterordinare disvastiĝis. La riĉaj petrolteroj atentigis la fremdajn kapitalistojn, kaj ili fondis societojn por ilia ekspluatado, kies kapitaloj atingas kaj eĉ superas 100 milion dalcojn (40 Sm.). Sed ne nur la ekspluatado de l'petrolo tiel multe disvolviĝis. Fabrikoj por rafinado de lumiga petrolo kaj ekstraktado de aliaj petrolaĵoj (benzino, vazelino, parafino) multiĝis kaj bone prosperas, tiel ke nun la ĉefa industrio de l'lando estas la petrolo.

En la tutmonda petrolproduktado dum 1911 Rumanujo okupas la kvaran lokon. Certaj datoj ekzistas de post 1899 kaj de tiam oni rimarkas konstantan progresadon.

La plej abundaj regionoj petrolaj estas la Subkarpataj. La unuan vicon okupas la distrikto Prahova. Por la ekspluatado de l'petrolo ekzistas eĉ speciala leĝo. Nun, ĉar malgraŭ la konstanta plimultiĝo de la vagonoj por transportado, ili ne sufiĉas, oni projektas konstruon de speciala subtera kondukto de Campina ĝis Constantza (la marborda haveno) de kie ĝi estos transportata eksterlanden. — *E. J. Nicolaŭ* (Del. Bukureŝti).

.·. **La loĝantaro de Rumanujo.** — La 1 Januaro 1913 okazis en la tuta lando la nombrado de la loĝantaro. Tio ne plu okazis depost 1899, kaj laŭ la rezultataj ciferoj oni konstatas, ke la nombro de la loĝantaro estas nun 7,248,061, dum 1899 estis 5,956,690; do pluiĝo de 1,291,371 personoj. Tiu ĉi loĝantaro estas dividita en urba kaj vilaĝa: 5,918,928 vilaĝa kaj 1,329,133 urba. Laŭ la regionoj ĝi estas: 2,145,464 en Moldavio, 3,298,394 en Muntenio, 1,413,897 en Oltenio kaj 390,306 en Dobroĝa. La meza procento en la tuta lando estas 55 loĝantoj por km². Jen nun ankaŭ la nombro de la loĝantoj en la ĉefaj urboj: Bukureŝti 338,109 (en 1899 276,178) Jaŝi 75,889, Galatzi 71,719, Braila 64,739, Ploeŝti 56,594, Craiova 51,973. *E. I. Nicolaŭ* (Del. Bukureŝti).

**Statistiko de la poŝtmarkoj.** — En la tuta mondo nun ekzistas 24,302 diversspecaj poŝtmarkoj, neenkalkulitaj la diversaj specialaĵoj kaj la malbonaj presaĵoj.

| | | |
|---|---|---|
| Eŭropo . . . . . . . | 5,055 | div. markojn |
| Azio . . . . . . . . | 4,698 | „ |
| Afriko . . . . . . . | 5,594 | „ |
| Ameriko inkl. Okc. Indio | 7,237 | „ |
| Aŭstralio . . . . . . | 1,718 | „ |
| Sume | 24,302 | div. markojn. |

Britujo sola posedas ĝis nun 7132 diversajn specojn. — *R. Kreutz* (Frankfurt a. M. — S.).

.·. **La loĝantaro en Aŭstrio.** — La 31 Decembro 1910 loĝis en Aŭstrio (sen Hungario kaj Bosnio) 29,963,872 loĝantoj, kiuj dividiĝis laŭ lingvoj jene: germana 9,950,266, ĉeĥa (bohema) 6,435,983, ukraina (rutena) 5,518,854, pola 4,967,984, slovena 1,252,940, serbokroata 783,334, itala 768,442, rumana 275,115, magiara 10,974, sume 18,095,595 Slavoj, 9,950,266 Germanikoj, 1,043,557 Romanoj, 10,974 Ural-Altajanoj.

## Al nia legantaro

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko „Esperantismo“ speciale de la Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkafoje ilin resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al ĉiuj kunlaborantoj precizecon: ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), proksimuman nombron de ĉeestantoj ĉe kursoj aŭ paroladoj, la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj gazetoj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton. Plie, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al ni kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiu reklamo estas cetere tute utila. Senutile estas diri, ke ni poste danke ricevos raporton pri tiaj manifestadoj. Por esti enpresataj en la plej proksima n°, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevitaj de ni *antaŭ la 10. kaj 25. de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

## ONI KONGRESAS

### Nacia franca Esperantista Kongreso

En la fama franca rozkolora urbo, en Toulouse, okazis la Nacia Kongreso franca kaj samtempe la kongreso de la S.O.F. — Sabaton matene estis alvenintaj jam kelkaj kongresistoj sed de $11^h$ elvagoniĝis el ĉiuj vagonaroj geanoj de S.F.P.E. aŭ de S.O.F. La sindonema sekretario de la grupo de Toulouse, S-ro Beaumel, atendis ĉiujn vagonarojn por akcepti kaj konduki la kongresanojn. Je $3^h$ posttagmeze, kondukata de S-ro Chalot, la tiel afabla prezidanto de la urba grupo, karavaneto travizitis la urbon je multaj interesplenaj vidindaĵoj. Je $5^h$ ĉe urbdomo „Capitole“ la urbestraro akceptis oficiale la kongresanaron laŭ plej favora kaj kora maniero. Interŝanĝo de deziroj kaj dankoj, gratuloj kaj promesoj, eksplodoj de ĉampanboteloj, interbatoj de glasoj, amikaj babiladetoj; jen estas per kelkaj vortoj la tuta programo de tiu kunveno. Je $20^1/_2{}^h$ la kongresoj okazigis vere sian unuan manifestadon. Parolado de S-ro Cart pri Esperanto kaj moderna vivo ricevis plenan sukceson. La ĉambro ne estis tute plena sed ĉiuj ĉeestintoj tre interesiĝis, kaj ne foriris post la parolado kiam la prezidanto de la grupo sciigis, ke oni deklamos kaj kantos en Esperanto. Mallonga sed plej artplena koncerto okazis. Estis malfrue, multaj iris enlitiĝi dum aliaj daŭrigis la interkonatiĝon. La hotelo Capoul, rekomendata en jarlibro de UEA, havis klientojn. Por ĝi estas pruvo, ke oni legas la jarlibron.

Dimanĉon matene okazis 2 kunvenoj. Je $9^h$, kunveno de UEA pri kiu estos raportata en alia parto. Je la $10^h$ kunveno de S.O.F. Inter proponoj; tiu ke S.O.F. ne okazigu kongreson la proksiman jaron por aliĝi kaj grandare ĉeesti la Xan, en Paris, estis la plej interesa je vidpunkto ĝenerala. La delegitoj de la grupoj legis sian raporton. Ĉiuj plendetas pri la granda laboro efektivigota sed ĉiuj ankaŭ fidas je la estonteco. Je $13^1/_2{}^h$ oni fotografis kaj je $19^h$ ĝeneralan kunvenon de S.F.P.E. malfermis S-ro Rollet de l'Isle. Tuj post kunveno okazis eksterorda kunveno. Tiuj kunvenoj tre konvene kaj pace okazis. La ĉefa punkto traktata estis pri plikostigo del' kotizo al S.F.P.E. Post paroloj de S-roj Dejean, Duris, Bourlet, Cart, Lamant, Rigoir kaj aliaj, oni decidis atendi ĝis venonta jaro ĉar nune pro motivoj novaj, ŝanĝiĝis la stato de S.F.P.E. La reelekto de la komitato kronumis la 2 kunvenojn. S-ro Rollet de l'Isle restos prezidanto de S.F.P.E., ĉar elektita unuvoĉe. Je $19^1/_2{}^h$ granda festeno en belega salono de „Hôtel de l'Europe“. Prezidis la urbestra adjunkto inter nia kara prezidanto de S.F.P.E. kaj S-ro Guénot, prezidanto de „Syndicat d'Initiative de Toulouse“, samideano kaj amiko de nia movado. Plej poetan, delikatan afablajon montris tie la urbestraro. Dikaj bukedoj el violoj — produkto de la lando — ligataj per rubandeto je la 3 naciaj koloroj estis disdonataj al ĉiu sinjorino aŭ fraŭlino. Longa aplaŭdado montris al la adjunkto, ke la geesperantistoj ŝatas mildaĵojn. Ĉe la deserto multaj tostoj. La adjunkto deziras al ni grandan sukceson; S-ro Rollet de l'Isle dankas la urbon Toulouse kaj la organizintoj de la kongreso; S-ro Guénot pruvas, ke Esperanto estas utila ilo por turismo; S-ro Chalot ankaŭ parolas; poste S-ro Sabadell el Barcelona je l'nomo de la Katalunoj; fine S-ro Keleti je l'nomo de Hungarlando. Li parolas ankaŭ pri rond'-mond'-vojaĝo, kiun li volas efektivigi post kelkaj monatoj.

La kvin jurnaloj de la urbo sendis reprezentantojn kaj je l'nomo de la Toulouse-a Gazetistaro la pli maljuna trinkis je sukceso de Esperanto. (Ĉiuj 5 ĵurnaloj raportis pri la kongreso.)

Kaj oni iras salonon, kie oni aplaŭdas junajn F-inojn Deslaurier kaj Labadie el Bordeaux, kiuj diras fabelojn kun plej pura akcento. S-ro Bollack, el Paris, deklamas „La Vojon“ kun kortuŝiĝo; S-ino Marly el Bordeaux per voĉo belega kaj plej agrabla ravas la aŭdantaron. La serioza komikulo S-ro Meyer el La Rochelle rakontas novan verketon kiu ridegigas ĉiujn. Ĉe fortepiano S-ro Cambon, unua premio de Konservatorio, el Toulouse, montras sian kapablecon. F-ino Deslaurier ludas kiel vera artistineto. Granda sukceso por ĉiuj.

Kelkajn horojn poste la gekongresanoj ariĝis ĉe stacidomo por ekskursi al „Carcassonne“. Dum vojo, bona reklamo en „Castelnaudary“.

Vizitrakonto pri Carcassonne bezonus numeron tutan de „*Esperanto*“, do estas pli bone diri pri ĝi nur tion, kion diras la kanzono franca: Kiu ne vidis Carcassonne, vidis nenion. Sed ĉar la plej belaj aferoj havas finon, la kongreso finiĝis je $20^h$ post reveno en Toulouse. Ĉe stacidomo manpremoj, adiaŭoj, kaj „ĝis revid“-oj estis la lastaj manifestacioj de la IVa Kongreso de S.O.F. kaj de Franca Nacia Kongreso. — *Ch. B.*

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Bukuresti* (Ruman.). — Oni fondis laboristan Esp. grupon. — E. N.

*Gijon* (Hispan.) — Fondiĝis nova grupo „Astur Esperanto Asocio“. La membroj kunvenas ĉiuvespere en strato San Antonio 20 kaj invitas al siaj kunvenoj ĉiujn travojaĝantojn. — A.

*Leipzig.* — Post finiĝo de ses kursoj oni fondis la „Esperanto-Vereinigung der Leipziger Gemeindebeamten“ (Esp. Societo de l' urba oficistaro de Leipzig). La societo havas 42 membrojn. — K.

*Paris.* — Oni decidis fondi framasonan loĝion laborantan per Esp. Adreso: J. Noel, 8, rue Puteaux, Paris. — J. C.

*Pitești* (Ruman.). — Fondiĝis nova grupo, kaj baldaŭ kurso estos malfermata. — E. N.

*Ploești* (Ruman.). — Nova suboficira grupo estas fondata. — E. N.

*Suresnes* (Franc.). — S-ro Chilard, Del. en Versailles, fondis grupon.

*Torello* (Hispan.). — Fondiĝis grupo „Nova Harmonio". Kiel instruanton oni elektis S-ron B. Nogué el Manllen. Oni decidis aliĝi al UEA.

**Novaj kursoj.** — *Bologna* (Ital.). — La 14 marto malfermiĝis 2 kursoj, unu en la popola lernejo kun la permeso de l' urbestaro, la alia en la instituto Ungarelli, dank' al la afableco de ĝia progresema Dir. Prof. Ferrerio. La kursojn gvidas S-roj D-ro Masi kaj Nanni. — N.

*Bukuresti* (Ruman.). — Komenciĝis 3 kursoj, el kiuj unu por laboristoj kun 40 anoj. — E. N.

*Crimmitschau* (German.). — La 5 marto malfermiĝis kurso gvidata de S-ro H. Bergstrasser el Zwickau kun 24 partoprenantoj. — F. S.

*Jaŝi* (Ruman.). — Malfermiĝis kurso kun 30 lernantoj gvidata de S-ro Onofrei. — E. N.

*Pforzheim* (German.). — Kurso kun 9 anoj gvidata de S-ro Knecht. — P. C.

*Stade* (German.). — Du kursoj kun 40 lernantoj. — I.

*Trieste* (Aŭstrio). — Malfermiĝis kurso kun 70 lernantoj. Instruas S-ro D-ro Ghez. — D-ro G.

*Villach* (Aŭstrio). — La Esp. Societo por Karintio komencigis la 4 marto la unuan oficialan Esp. kurson en la knaba lernejo; partoprenas 36 lernantoj. La kurso estas gvidata de la prez. S-ro. D-ro Wedam. — D-ro W.

*Werdau* (German.). — La 1 marto komenciĝis kurso gvidata de S-ro F. Salzbrenner, el Seelingstädt, kun 33 junuloj de la unuiĝo Jung-Deutschland, en ĉambro de burĝa lernejo. — F. S.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Leipzig* (German.). — La 2 marto oni aranĝis en la metia lernejo Esp. ekzamenon por la magistrat-oficistoj instruitaj en ses kursoj ĵus finiĝintaj. — Tiun kunvenon ĉeestis krom aliaj invititoj ankaŭ la ĉefurbestro S-ro D-ro Dittrich, kiu tuj post la ekzameno dankis la instruintojn kaj lernintojn pro ilia fervora laboro. Li diris, ke Esp. fakte pli kaj pli enpenetras en la praktikan vivon kaj pro tio estas necese, ke almenaŭ parto de la oficistaro estu kapabla legi kaj respondi la Esp. korespondaĵojn, kiujn la magistratoj ricevas. Li insiste admonis la ekzamenitojn fondi societon kaj promesis subteni ĝin per mono, por ke ĝi aranĝu kursojn por progresintoj, havigu al si bibliotekon k. t. p. Ĉiuj oficistoj aliĝis al novefondita grupo, kies prez. estas S-ro Kühn. — H. R.

*Trieste* (Aŭstrio). — La 15 februaro okazis la kvina ordinara ĉiujara kunveno de la Rondo Esp. El la raportoj oni vidis, ke en la pasinta jaro 15 kursoj estis aranĝitaj, ke multaj paroladoj kaj festoj estis faritaj, el kiuj citinda estas precipe la inaŭgurado de la societa flago okaze de la 25 jara jubileo de Esp. Plie oni konstatis, ke multaj fremduloj vizitis la societon. Por la societaj oficoj estis elektataj: P: D-ro A. Ghez; VP: E. Artico; S: R. Schniderschitz; K: C. Baiguini. — D-ro A. G.

**Paroladoj.** — *Dresden.* — S-ro F. Radeck, Del., faris paroladon pri Esp. kaj precipe pri UEA en la gimnastikista unuiĝo „Turnerlust". Kurso komenciĝos. — R.

*Genève.* — Ĉe la Instituto J. J. Rousseau, la 18 marto, parolado de S-ro Hodler pri UEA, sekvita de amika diskutado.

*Kairo* (Egipt.). — En Bristol-Hôtel S-ro D-ro H. Ŝipek, Del., faris paroladon pri Esp. kaj UEA. Ĉeestis 65 personoj el diversaj nacioj: angloj, francoj, grekoj, italoj, germanoj, armenoj, hindoj, hispanoj, rumanoj, koptoj, persoj kaj unu holando. S-ro D-ro Ŝipek parolis en 4 kaj poste S-ro David en 2 lingvoj. Kursoj estas aranĝotaj. — D-ro Ŝ.

*Kornwestheim* (German.). — Parolado de S-ro Zolleis. 12 personoj sin enskribis por nova kurso. — P. C.

*Letchworth* (Angl.) — La 8 marto parolado de S-ro H. Bolingbroke Mudie, prez. de UEA, en la Howard Hall antaŭ ĉirkaŭ cent personoj pri la Krakova kongreso kaj postkongresaj ekskursoj kun 120 belegaj lumbildoj. — A. G.

*Pforzheim* (German.) — Estis aranĝita parolado de S-ro Knecht, prez. de la ĉi tiea Esp. grupo. — P. C.

*Seattle* (Angl.). — S-ro F. Wright, Del., parolis pri lingvo int. en la Kosmopolita Klubo. — F. W.

*Stuttgart* (German.). — En la vegetara restoracio „Pomona" S-roj Amm kaj Bœning aranĝis paroladon, el kiu rezultis kurso kun 10 anoj. — P. C.

---

## ESPERANTISTA KALENDARO

*Majo* (11-12). — Dana Esperanto-Kongreso en *Aarhus.*

*Majo* (11-12). — Kongreso de la Federacio Esperantista de Bourgogne kaj Jura en *Auxerre.*

*Majo* (11-12). — Brita Esp.-Kongreso en *Eastbourne.*

*Majo* (11-12) — Aŭstria Esperanto-Tago en *Graz.*

*Majo* (11-12). — Belga Esperanto-Kongreso en *Spa.*

*Junio* (1). — Kongreso de la Nordfranca Esperantista Federacio en *Douai.*

*Junio* (1). — Tago de la Saksa Esperanto-Ligo en *Frankenberg.*

*Junio* (6-9). — Skota Esperanto-Kongreso en *Greenock.*

*Julio* (27). — Jara kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo en *Hago.*

*Aŭgusto* (14-20). Esperantista Semajno-Kongreso en *Gent.*

*Aŭgusto* (19-21). — Germana Esperanto-Kongreso en *Stuttgart.*

*Aŭgusto* (24-31). — Naŭa Universala Kongreso de Esperanto kaj kvara kongreso de UEA en *Berno.*

---

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 Aŭgusto 1913

Duan fojon Svislando havas la honoron kaj la feliĉon gastigi la internacian Esperantistaron. Ĉi tiun fojon la svisa ĉefurbo Bern mem afable akceptos la gastojn. Ĉe la piedo de la neĝkovrita Alparo sidas la svisa metropolo, ĉirkaŭfluata de rava verda rivero Aare, kaj loĝata de laborema loĝantaro. La regiono de la urbo kaj de ties ĉirkaŭaĵo estas tre varia rilate al vidindaĵoj kaj belegaj punktoj. Ĉiuj vizitantoj de Bern estas ravitaj pro ĝia arta, serioza, pura kaj nekomparebla eksteraĵo. Dum la lastaj jardekoj la urbo multe pligrandiĝis kaj plibeliĝis, ĉar oni konstruis grandan nombron da arte aspektaj domoj kaj palacoj. Inter ili troviĝas la nova Universitato sur monteto meze de la urbo, el kie oni ĝuas plej belan aspekton de la tuta neĝa Alparo, kaj la grandioza Kazino sur la pentrinda bordo de la Aare. En ambaŭ okazos la kunvenoj kaj festoj de la Naŭa. La organizado de la granda festo bone marŝas pro la favora helpo de la aŭtoritatoj kaj la sindono de la tuta loĝantaro. La kongresanoj renkontos tutan serion da amuzaĵoj kaj belaj festoj. Laŭ la provizora programo, kiu cetere fariĝos definitiva tuj post aliĝo de sufiĉe granda nombro de samideanoj, ni havos la jenajn festaranĝojn: La internacia kostumbalo en la paradizaj haloj de la Kazino. La samideanoj bonvolu pretigi kaj alporti siajn naciajn kostumojn. — Grandan koncerton de Berna virĥoro kun diversaj

gesolistoj. — Ekskurson en la plej belan parton de la svisa Alparo (tutan tagon) kun pikniko kaj koncerto en Interlaken, veturado sur belega lago de Thun, meze de la montegoj, kaj vespermanĝo en Thun. — Teatran prezentadon (Originala verko en Esperanto). — Festenon sur monto Gurten apud Bern (alteco 860 m) kun „Jodlada" koncerto, svisaj luktludoj k. t. p. — Ekskursojn de unu aŭ kelkaj tagoj sur la plej konatajn pintojn de la Alparo kun plej lertaj gvidistoj. La diversaj alpaj fervojoj donas specialan rabaton por la kongresanoj, ekzemple la fervojo de la Jungfraŭ, plej alta montego en Bernaj Alpoj (4167 m) konsentas tiel grandan rabaton, ke kongresanoj povos veturi al stacio Jungfraŭjoch, meze de glaciaroj, tie tagmanĝi kaj reveni Bernon por la ridinda sumeto da 10 Spesmiloj! Do kiu neniam havis la feliĉon vidi eternan neĝon aŭ marŝadi sur glaciaro, en Aŭgusto, tiu venu al nia kongreso, kaj li povos ĝui tiun feliĉon.

En la kongresa kunvenejo troviĝos aparta poŝtoficejo por la kongresanoj, kie la oficistoj parolos Esperanton kaj stampos la leterojn per speciala stampilo en nia lingvo.

Ni ĵus eldonis du belajn poŝtkartojn multkolorajn. La unua surhavas aspekton de la urbo Bern kun la Alparo en la fundo, la dua vidigas belan kaj artan esprimon de la internacia ideo. La bildo de ĉi tiu poŝtkarto ankaŭ vidiĝas sur la sigelmarko ĵus eldonita. (Prezo de la poŝtkartoj po 4 sd [10 centimoj] kaj de la sigelmarko po 40 sd. [1 franko] por 100 pecoj.) La insigno, el arĝento, estos la plej bela el ĉiuj ĝisnunaj kongresinsignoj.

Grave por ĉiuj vizitantoj de Svislando estas, ke niaj fervojoj eldonas specialajn abonbiletojn por 15 aŭ 30 tagoj. Tiuj biletoj kostas por 2a klaso 65, por 3a klaso 45 frankojn por 15 tagoj kaj valoras sur ĉiuj fervojoj de tuta Svislando, escepte la privataj fervojoj sur la montoj kaj kelkaj apudaj, cetere tre malgravaj, linioj. Tiuj biletoj estas treege praktikaj por fari vojaĝojn tra la tuta lando kaj viziti ĉiujn belajn lokojn. Ni tial rekomendas al ĉiu kongresano aĉeti tuj ĉe la landlimo tian bileton, se li intencas restadi kelkajn tagojn post la kongreso en Svislando. Sed en la okazo, se li volas viziti nur la kongreson kaj la postkongresan vojaĝon, li aĉetu ĉe la landlima stacio bileton por iro kaj reveno, tiaj biletoj estas tre malkostaj, ekzemple de Ĝenevo al Berno la simpla bileto kostas — en 3a klaso — 8,25 frankojn, por iro kaj reveno ĝi kostas 10,30 frankojn, la reveno kostas do nur 2 frankojn, aŭ kvaronon de la iro. Tia duobla bileto valoras dum 10 tagoj!

Svislando estas ĉiujare la renkontejo de miloj da fremdulòj el ĉiuj kontinentoj, kaj ni konsilas al la Esperantistaro atentigi eventualajn vizitontojn de Svislando, pri la favoroj, kiujn povos havigi al ili la kongreso, por ke ili uzu tiun tempon por sia vizito, eĉ estante neesperantistoj, sed pagante la kongresan kotizon da 6 Spesmiloj.

Por la organizado de la dum- kaj postkongresaj vojaĝoj la Kongresa Komitato faris kontrakton kun bona firmo, kiu zorge kaj detale preparas nun la diversajn projektojn. En unu el niaj estontaj cirkuleroj ni donos la necesajn informojn.

La subkomitato por la loĝado eklaboris kaj povas de nun plenumi la petojn pri ĉambroj k. t. p.

Por la personoj dezirantaj restadi ĉu antaŭ ĉu post la kongreso kelkajn tagojn aŭ semajnojn en bonaj ripozejoj, la komitato preparas liston de tre rekomendindaj pensionoj en la ĉirkaŭaĵo de Bern kaj en aliaj partoj de la lando. Aliĝojn al tiaj pensionoj ni de nun kolektos kaj donos informojn pri prezoj k. t. p.

Kaj nun, karaj samideanoj el tuta terglobo, venu multnombre al nia bela kongreso, sendu tuj vian aliĝon kun la responda kotizo (6 Sm.) al la Kantonalbank" en Bern, mendu viajn ĉambrojn kaj la diversajn eldonaĵojn de la kongreso, poŝtkartoj, sigelmarkoj, por fari per ili propagandon. Kun samideanaj salutoj

*La Direktanta Komitato.*

*PS.* Pro foresto el Berno dum la tuta somero S-ro Ed. Stettler bedaŭre devis eksiĝi el la komitato; lin anstataŭas S-ro Fritz Merz, bankisto.

---

## Listo de la kongresanoj (1a listo)

**Aŭstrio-Hungarujo.**

1. Janaliková, Tonĉka, *Bystrice-Hoztyn* (Moravio).
2. Seyfert, Karl, Maria-Erzdorf, *Vallischof* bei Wien.
3. Buyvid, Odo, P-ro, *Kraków*.
4. Gottschall, Kornelio, *Graz*.
5. Ungar, Viktor, D-ro, 29, Sykotuska, *Lemberg*.

**Belgujo.**

1. Richardson, A., 121, rue Marais, *Bruxelles*.
2. Schoofs, Frans, R., 45, Kleine Beerstraat, *Anvers*.
3. Herickx, Gabrielle, 33, Sandernsstrasse, *Anvers*.
4. Wuyt, Rosa, 44, Jordaensstrasse, *Anvers*.
5. Van Schoor, Oskar, 20, Vondelstraat, *Anvers*.
6. Vermandel, Arthur, P-ro, 72, Bogenkontschestr., *Anvers*.

**Britujo.**

1. Bredall, John, 3, Birdhurstroad, *Croyden*.
2. Bartholomes, F-ino, Norton way north, *Letchworth*.
3. Goodliffe, F. A., *Letchworth*
4. Lochhead, F. John, 205, Nithdale Road, *Glasgow* (Skotlando).
5. Pringle, James, 33, Dick Place, *Edinburgh* (Skotlando).
6. Baird, Jane, 95, Bellevue Road, *Edinburgh* (Skotlando).
7. Croft, F. W., *Coleraine* (Irlando).
8. Douglas-Buchanan, G., 7, Grathlam Str., *Glasgow* (Skotlando).
9. Warden, John Mabon, 28, Str. Andrew Square, *Edinburgh* (Skotl.).
10. Sharpe, Rich., 13, Hesketh Crescent, *Torquay*.
11. Mattes, J., 1155, Grangefield Avenue, *Bradford*.
12. Smith, Nina, J. Caln Court, 7, Marine Manzions, *Bexhill on Sea*.
13. Sevan, Anna M., 17, Makin Str., *Liverpool* (Walton).

**Francujo.**

1. Lageste, F., au Sablar, *Dax* (Landes).
2. Chaussegros, Vincent, 3, Place Jussieu, *Paris V*.
3. Pichon, Ch. R., 142, Boulevard du Montparnasse, *Paris*.
4. Delanue, Georges, 2, rue Drugeon-Lecart, *Château-Thierry* (Aisne).
5. Blondin, S-ino, 2, rue Rothschild, *Nice*.
6. Humez, Alberich, *Douai*.
7. Lebreton, R., 2, rue Bonne-Nouvelle, *Angers*.
8. Rollet de l'Isle, Maurice, 35, rue du Sommerard, *Paris*.
9. Drudin, François, 93, Boulevard du Nord, *Lyon*.
10. Poncet, Louis, 17, rue St-François-d'Assise, *Lyon*.
11. Tiard, Marceile, 19, rue de la Réunion, *Parc S. Maur*.
12. Nieger, Maurice, 21, rue du Grand Verger, *Nancy*.
13. Nieger, Pierre, 21, rue du Grand Verger, *Nancy*.
14. Maresquelle, Henri, P-ro, 109, rue Isabey, *Nancy*.
15. Asquinazi, M., 25, rue de Vienne, *Oran* (Algérie).
16. Pérugier, M., S-ino, 23, rue Jeu-de-Mail, *Cette*.

**Germanujo.**

1. Tiedeken, Käthe, Sallstrasse 17, *Hannover*.
2. Ledermann, Rich., D-ro, Pfannenstiel 11/o, *Augsburg*.
3. Pollack, Emil, Privatulo, Breiterstrasse, *Kamenz* (Sachsen).
4. Schmalzl, Josef, Bernauerstrasse 41 I, *Augsburg*.
5. Arnhold, Heinrich, Bankier, Waisenhausstrasse 20, *Dresden*.
6. Arnhold, Ilse, Waisenhausstrasse 20, *Dresden*.
7. Schweitzer, Grete, Ederestrasse 5, *Hannover*.
8. v. Frenckell, Karl, Hauptstrasse 38, *Dresden*.
9. Bettges, Joh., Falkensteinstrasse 12, *Oberhausen* (Rheinland).
10. Junker, Aug., Studanto, Hohe Strasse 26, *Köln*.
11. Wilbert Ant., Instruisto, Siegesstrasse 28, *Köln-Deutz*.
12. Hebing, Ferd., Teknikisto, Königswinterstr. 4, *Köln-Klettenberg*.
13. Reuss, Hans, kgl. Obergeometer, *Regensburg*.
14. Mulert, A., D-ro, *Hemsbach a. d. B.* (Baden).
15. Ader, Friedr., Struvestrasse 40, *Dresden A. I.*
16. Ellersiek, Friedr., Struvestrasse 40, *Dresden A. I.*

**Hispanujo.**

1. Granell, Joh. Sole, 27, Rambla de San Juan, *Tarragona.*
2. de San Millian, Rafael, Calle de Valgame, *Madrid.*
3. Soriano, Trinidad, 21, Espiritu Santo, *Sevilla.*

**Italujo.**

1. Stromboli, Alfredo, D-ro, 3, via Gropallo, *Genova.*
2. Michele, Arabeno, 27-4, Salita Prione, *Genova.*

**Ruslando.**

1. Gelibter, J., D-ro, *Zamošč*, (Gub. Lublina).
2. Nedošivin, Al. Miĥ., *Kovno.*
3. Nedošivin, Nat. Aleks., *Kovno.*
4. Nedošivin, M. Sem., *Kovno.*

**Svislando.**

1. Pulvers, Charlotte, Dornacherstrasse 154, *Basel.*
2. Herzog, E., Bahnhofstrasse 3, *Davos-Platz.*
3. Fleck, Friedr., 10 Rue de la Bourse, *Genève.*
4. Vannay, L., Clinique Roux, *Lausanne.*
5. Roulet, Alice, 5, rue J. F. Houriet, *Le Locle.*
6. Aubry, Lina, 37, rue Progrès, *Le Locle.*
7. Breguet, Louisa, 15, Sablon, *Neuchâtel.*
8. Breguet, Berthe, 15, Sablon, *Neuchâtel.*
9. Haeberli, Lena, *Einigen-Thun.*
10. Forestier, Jules, 23, Avenue Pictet de Rochemont, *Genève.*

**Usono.**

1. Yemans, H. W., Kuracisto, Usona Militistaro, *Manila.*
2. „ H. W., Edzino „ „ „
3. Harris, Herbert, *Portland* (Maine).

## DIVERSAĴOJ.

.˙. *Esperanto kaj hoteloficistoj.* — Ekzistas du gravaj internaciaj ligoj de hoteloficistoj, la unua nomata „Union Ganymède“ estas precipe germana kaj havas sidejon en Leipzig, la dua „Union Genevoise“ havas svisan titolon kaj la sidejo estas en Ĝenevo. Ambaŭ ligoj havas sekciojn en ĉiuj gravaj fremdulurboj de l'mondo; ili ambaŭ havas propran gazeton, en kiu profesiaj artikoloj aperas en la tri ĉefaj lingvoj: angla, franca, germana. Pro la venonta ĝenerala kunveno okazonta en Wien, la demando pri lingvo estas agitata interne de tiuj organizaĵoj; ekzemple, holandoj, italoj kaj aliaj petis, ke ilia lingvo estu favore allasata.

S-ro Nallet, nia Del. en Hyères (Francujo), uzis tiun okazon por propagandi pri Esperanto kaj UEA. La 7 kaj 12 marto li faris pri nia Asocio paroladojn ĉe la Hyères'aj sekcioj de la ambaŭ suprenomitaj organizaĵoj. La paroladoj bone sukcesis, kaj estis alprenita deziresprimo, ke Esperanto estu akceptata de la ĝenerala kunveno de la delegitoj en Wien (1913). La du raportoj aperas en la fakaj gazetoj „Hôtel Revue“ kaj „Hôtel Industrie“, kie aperos aliaj artikoloj pri la sama temo.

S-ro Nallet, kiu iniciatis tiun propagandon en medio tre praktika, petas, ke ĉiu Del. de UEA en la lokoj, kie troviĝas sekcioj de la nomitaj unioj, sin okupu pri simila propagando kaj klopodu atingi la samajn rezultatojn, tiel ke Esperanto sukcesu ĉe la venonta ĝenerala kunveno.

.˙. *UEA en Londono.* — Kiel oni scias UEA havas en Londono Delegiton, kiu ekskluzive okupas sin pri Esperantiaj aferoj en ejo, kiun bonvolis disponigi la B. E. A. Jen kelkaj ciferoj, kiuj montras la laboron efektivigitan de post julio: Membroj aliĝintaj ĝis januaro 130; entreprenoj 19; abonoj 14; leteroj ricevitaj 460; leteroj senditaj 530; servoj 120; vizitantoj helpitaj 20.

Esperanta gvidlibro en Londono estas en preparado.

.˙. — El la monata raporto de S-ro H. A. Epstein, konstanta Del. en Londono, ni eltiras la jenajn ekstraktojn:

— Korespondado. Leteroj ricevitaj 58; forsenditaj 68; entute 124.

— Servoj. Komerco 8; turismo 1; junuloj 1; laboro 1; diversaj 3.

Inter la servoj estas la jenaj:

„Mi sendis al Seville adreson de firmo, kiu vendas kokinojn speciale por ekspoziciaj elmontroj. Mi ricevis por persono en Bilbao kelkajn anglajn legolibrojn por infanoj. Mi sendis al Finnlando raporton pri la Pitlik'a parolado. Mi sendis al Lodz detalojn pri anglaj entomologiaj gazetoj, sendis al Lwow adreson de rekomendinda advokato, donis al germano venonta en Londonon informojn pri Londona vivo k. t. p.“ Oni laŭ tio vidas la diversecon de la postulitaj servoj.

— Gvidfolio en Londono. Monkolekto estas aranĝita por la presado de Esperanta gvidfolio. Jen listo de la donacintoj: B. E. A. £ 1, Londona Klubo £ 1, Charing Cross Kl. 5/, Croydon Kl. 3/, Wood Green Kl. 3/, East Londono Kl. 2/6, Midmay Kl. 2/6, S-ro Chatterton 2/6, S-ro Jayne 2/. Entute £ 3-0-6. La gvidfolio estos presata je 5.000 ekz.

.˙. *La Nova Testamento en Esperanto.* — Tiu jam de longe atendita verko jus aperis. Ĝi estas eldonita de la fama Brita kaj Eksterlanda Biblia Societo, kaj formas belaspektan oportunan volumon da 614 paĝoj presitaj sur maldika angla papero, kun orumita tranĉrando. La libro enhavas la kvar Evangeliojn, la Aktojn, la diversajn epistolojn kaj la Apokalipson. La traduko estas bonega. La dirita verko estas akirebla de la Esperantia Librejo po 2,25 fr. (0,90 Sm.) afranke.

.˙. *Esperanto kaj turismo.* — Sub la aŭspicioj de UEA aperis gvidfolio tra *Aarhus* (Danujo).

Ni rememorigas, ke ni vendas plenajn kolektojn de gvidfolioj po 1,25 fr. (50 sd) afranke. Tiuj kolektoj enhavas gvidfoliojn de pli ol kvindek urboj.

.˙. *Katalogo de Esperanto-Literaturo.* — Ĵus eldoniĝis nova katalogo de la firmo Ader & Borel (Dresden), kiu — enhavante 40 paĝojn en formato 22 : 14 cm — eble estas la plej grava el ĉiuj tiaj ĝisnunaj eldonaĵoj. La unuan parton de tiu ĉi katalogo formas plena listo de ĉiuj eldonaĵoj de la nomita eldonejo, speciale konsistanta el diversaj lernolibroj kaj vortaroj, la bonega malmultekosta „Esperanta Biblioteko Internacia“ kaj riĉa elekto de propagandmaterialo ĉiuspeca. En dua parto troviĝas listo de lernolibroj kaj vortaroj por Esperantistoj ĝenerale kaj por la Esperantistoj de multaj diversaj nacioj speciale, kaj en la tria parto estas donata katalogo de la vera literaturo esperanta. Tiu ĉi katalogo kalkulas eble 500 diversspecajn literaturaĵojn, ordigitajn laŭ la temoj kaj specoj literaturaj en subpartoj poezio, prozaĵoj (romanoj, noveloj, rakontoj, skizoj k. t. p.), teatraĵoj, sciencaj, religiaj, pripacifismaj verkoj, libroj kaj broŝuroj pri la Esperanta movado kaj la internacia propagando, kaj diversspecaj verkoj (pri arto, etnografio, geografio, ludoj, socia vivo, sporto, turismo k. t. p.): Listo de „Antikvaĵoj“ estos bonvena al kolektantoj de nia plej frua literaturo, kaj por muzik- kaj kantemaj Samideanoj riĉa kolekto de kantaroj kaj de unuopaj muzikaĵoj prezentiĝas sur la lastaj paĝoj de la katalogo. La belaspekta libreto estas certe valora por ĉiu Esperantisto, kiu volas informi sin pri la stato de nia Esperanta Literaturo. La firmo Ader & Borel ĝin senpage al ĉiu sendas laŭdezire. Pri la nuna hejmo de la dirita firmo (Struvestrasse 40, Dresden A. 1) bonege informas artikolo ilustrita, kiu aperis en la januara numero de eldono B de *Germana Esperantisto*, oficiala organo de GEA, kaj kiu klare montras jam en la eksteraj aranĝoj de la oficejoj la gravecon de tiu ĉi unua germana Esperanto-eldonejo, al kiu oni pro la eldono de ĝia nova katalogo povas nur gratuli kaj deziri pluan sukceson. — J. K.

## TRA LA GAZETARO

.·. *La Langue Internationale* (marto). *Ni realigu nian programon!* (Th. Cart):

„... En movado kiel nia, nenio estas pli bedaŭrinda ol troa batalemo, kiu unue malŝatas la kontraŭulon, kaj, poste, se li rezistas, penas imponi per laŭtega voĉo. Malbonega estas la efiko je la neŭtraluloj kaj sendependuloj, kiuj estas la plimulto kaj kiujn ni absolute devas varbi; anstataŭ ilin allogi, oni ilin forigas kaj iafoje malamikigas. Ni devas aperi kiel homoj, kiuj, malgraŭ sia profunda konvinko, eĉ sia entuziasmo, juĝas ĉion trankvile kaj pripense, kiuj, sciante kion ili volas, volas ĝin kun firma kaj *trankvila* volo, sen fanfaronemo kaj sen vana bruo, ĉar ili serĉas nenian personan glorigon, sed nur la sukceson de la movado. Ni do devas plej zorge eviti — tion oni neniam tro ripetos — la troriskemajn asertojn, kiujn morgaŭ oni uzos kontraŭ ni, kaj la tedan „blufon", kiu alportas rapidan elreviĝon kaj, momente altirinte, por ĉiam forpelas..." (Trad. el franca lingvo.)

.·. *Le Monde Espérantiste* (febr.). *Ĉu unueco estas ebla* (P. Blaise):

„... Leginte mian artikolon pri la Esperantista Kongreso en Parizo, Franca amiko deziras scii, ĉu vere ĉiuj Grand-britaj samideanoj vivas en ĉiama amikeco? Mi ja ne sciis unue, ĉu mia korespondanto ŝercas aŭ ne? Post iom da pripenso, tamen mi pensis: „Jen demando tre komprenebla, kiam ĝi venas de Parizano!"

Mi do ripetos, kion mi skribis antaŭe: Ĉi tie ĉiuj laboras kune kaj pace por la ĝenerala bono de nia afero. Malpaco tute ne ekzistas inter britaj esperantistoj. La lokaj grupoj, federacioj, nacia societo (BEA) kaj la UEA laboras, se oni povas diri, manon en mano. Ĉiu havas sian specialan utilon, kaj ĉiu helpas unu al la alia kiam necese. Tre ofte okazas, ekzemple, ke prezidanto aŭ sekretario de grupo estas samtempe delegito de UEA kaj kiel en Londono, la oficejo de la Brita Esperanto Asocio estas utiligita kiel sidejo de la loka sekretario de UEA.

Jam de kelkaj jaroj, ĉiuj esperantistoj komprenis la utilon de lokaj, distriktaj kaj aliaj organizaĵoj en nia movado. Ili komprenas, ke ĉiu havas sian apartan ludotan rolon, kaj estas nepre necesa por la propagando de nia lingvo..."

.·. *Progreso,* sciigoj pri la Rejna Vestfala Ligo (Revelo), aperos laŭbezone. (Direkcio: Esp. Societo, Hagen i. W.)

.·. *Japan Trade Rewiew* de nun regule publikigos Esperantan paĝon. Tio estas grava helpo por Esp. en Ekstrem-Oriento. (Direkcio: 4 Yurakucho-Itchome, Tokio.)

.·. *Progression,* grava usono revuo, publikigis bonegan artikolon pri Esp. kaj paco, verkitan de nia Del. en Michigan, S-ro D-ro Sigel.

.·. *Idea Italiana* (Parenzo-Rovigno), publikigas, la 13 marto, artikolon de S-ro Prof. D-ro Cossaro, per kiu li defendas Esp. kontraŭ du antaŭe aperintaj malfavoraj artikoloj.

.·. La franca gazeto *Le Fraterniste* publikigas nun regule parton de siaj artikoloj en Esp., dank' al la sindonema kunlaborado de S-ro Chaigneau.

.·. *Jysk Morgenblad,* Aarhus, la 27 febr. aperigas pri la Bahaana movado tradukon el „Esperanto" de S-ro Heilskow.

.·. La rusa gazeto *Nedjela* baldaŭ malfermos konstantan rubrikon por la Esp. movado.

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Kosmos,* Leipzig (n-ro 34), *Deutsche Reichszeitung,* Bonn (1 marto), *Fränkischer Courier,* Nürnberg (2 marto), *Schlesisches Tageblatt,* Schweidnitz (2, 9 marto), *Grazer Tagblatt* (4 marto), *Hannoverscher Courier* (5 marto), *Die Zeit,* Wien (5 marto), *Zwickauer Tagblatt und Anzeiger* (6 marto), *Reichspost,* Wien (6 marto), *Neues Tageblatt für Stuttgart* (5 marto), *Vogtländischer Anzeiger und Tageblatt,* Plauen (7 marto), *Werdauer Tageblatt* (7 marto), *Königshütter Tageblatt* (7 marto), *Coblenzer Zeitung* (8 marto), *Braunschweigische Landeszeitung, Leipziger Tageblatt* (11 marto), *Bayreuther Tageblatt* (11 marto), *Neueste Nachrichten für Residenz und Herzogtum Braunschweig* (13 marto), *Wernigeroder Zeitung* (14 marto), *Dresdner Nachrichten* (14 marto), *Eisenacher Zeitung* (14 marto), *Kieler Neueste Nachrichten* (15 marto), *Neueste Nachrichten,* Chemnitz, *Schweizerische Bürgerzeitung,* Zürich (18 marto), *Frankfurter Nachrichten, Frankfurter Warte, Schwanheimer Anzeiger, Pariser Zeitung* (15 febr.), *Journal de Beaune* (6 febr.), *Dépêche de Rouen* (8 febr.), *Journal de Sotteville* (8 febr.), *Lyon Républicain* (11, 13 febr.), *Le Progrès de la Côte d'Or* (14 febr.), *La Gironde* (19 febr.), *La Petite Gironde* (2 marto), *La Gazette de l'Oise, La Touraine républicaine* (11, 13 febr.), *Journal de Roye* (7 marto), *Revue commerciale* (marto), *Courrier de Davos* (9 marto), *Daily Mail* (23 febr.), *Rewiew of Rewiews* (febr.), *Evening Citizen,* Glasgow (6 marto), *Dublin Evening Mail* (10 marto), *Southport Guardian* (15 marto), *Il Grischun,* Chur (21 febr.)

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Garantia kapitalo.** — Per komuna interkonsento de la Garantiantoj de UEA la tri Administrantoj de la G. K., provizore elektitaj de la Komitato de UEA, estas nun definitive elektitaj por tri jaroj.

La Administrantaro konsistas el: S-roj H. Bolingbroke Mudie, prezidanto, A. Carles, sekretario, Ed. Stettler, kasisto.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 14.375 |
| 51. W. A. Gale, Southwick (Anglujo) | 125 |
| 52. V. A. Koposov, Simbirsk (Rusujo) | 125 |
| 53. E. Wengler, Berlin | 125 |
| 54. F. Doré, Troyes | 125 |
| 55. M. C. Gillett, Bambury (Anglujo) | 125 |
| 56. C. A. Fairman, London SE. | 125 |
| 57. F-ino P. H. Peckover, Wisbech | 500 |
| Frankoj | 15.625 |

Entute (ĝis la 25 marto) 55 Garantiantoj mendintaj 125 atestojn, valoro 15.625 frankoj (6250 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto.*

**Balotado de la Delegitoj.** — Ni publikigas ĉi-sube la sepan liston de la balotoj de la Delegitoj. (Vidu la unuajn rezultatojn en *Esperanto* de 20 decembro, 20 januaro, 5, 20 februaro, 5 kaj 20 marto.)

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de voĉdonintoj. La kursivaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

GRENOBLE. — 39; 15. — D: *Ploussu* 14 E; Roy 1. — VD: *Roy* 14 E; Ploussu 1.

LISBOA. — 21; 8. — D: *B. Martins d'Almeida* 8 E. — VD: *J. Carvaltrido* 8 E.

PRAHA. — 20; 14. — D: *V. Kraus* 14 E. — VD: *L. Berger* 14 E.

En la ĝis nun okazintaj balotoj partoprenis 712 personoj inter 2864.

**Insigno por Delegitoj.** — Jam ofte niaj Delegitoj esprimis la deziron, ke estu eldonata speciala insigno por ili. Tiu deziro estas nun plenumita. Ni de nun vendas apartan beletan insignon por la Delegitoj de UEA. Ĝi estas rondforma kun la karakteriza stelo de UEA kaj la plena nomo de nia Asocio per oraj literoj. Prezo (afranke, sed sen rekomendo): 1 fr. (40 sd). Tiu insigno ekzistas en formo de broĉo, pinglo aŭ butono.

**Esperantiaj Hoteloj.** — En la nomaro de la Esperantiaj hoteloj, aperinta en la Jarlibro de UEA, enŝoviĝis la jena eraro: La rabato donata al la Esperantianoj de la Regina-Hotel en *Bordeaux* estas *10* %, anstataŭ 15 % erare notita.

**Novaj Delegitoj.**

*Alexandrie* (Egiptujo). — D.: Georges Wilken, advokato, 9, rue de la Gare de Ramleh, étude de M. G. Roussos.

*Blagodatnoje* (Rusujo, Ekat. gub.). — D.: D-ro Vladimir Lebedev.

*Gorki* (Rusujo, Mogilevsk. gub.). — D.: Aleksandr Istratov, agrikulturisto, Selsko-Ĥozjajstvennoje uĉilisĉe; VD.: Vasilij Maslennikov, agrikulturisto, Selsko-Ĥozjajstvennoje uĉilisĉe.

*Iszim* (Rusujo, Tobolskoj gub.). — D.: K. V. Kuminov, instruisto.

*Olomouc* (Aŭstrio, Moravio). — D.: Antono Kuđela, juĝa oficisto, Novosady 197; VD.: Jaroslav Mastny, juristo.

*Randers* (Danujo). — D.: Peder Sörensen, cigarfaristo, Skanevej 11.

*Saint-Laurent-de-Chamousset* (Francujo, Rhône). — D.: Bois, notario.

*Stade* (Germanujo, Hannover). — D.: Johano Tamke, instruisto Agathenburg-Stade.

*Suresnes* (Francujo, Seine). — D.: Dupuit, 36, Place Henri IV.

*Svjatoŝin* (Rusujo, Kiev gub.). — D.: C. Polack, Kommerĉeskoje uĉilisĉe.

*Tarnopol* (Aŭstrio, Galicio). — D.: Jozef Rothfeld, studento, ul. Ostrogski 33; VD.: Julian Krupo, studento, Karpinski 6.

*Ventnor* (Anglujo, Southampton). — D.: S. A. R. Harris, komizo, 1 Market St.

**Ŝanĝoj.**

*Angers* (Francujo, Maine et Loire). — D.: R. Lebreton, arĥitekturlernanto, 2, rue Bonne-Nouvelle.

*Bruges* (Belgujo). D.: F-ino Yvonne Thooris, 64, rue du Marécage.

*Edinburgh* (Skotlando). — D.: D. R. Tullo, solicitoro, 34, St. Andrew Square.

*Elberfeld* (Rheinland, Germanujo). — D.: P. Trarbach, rektoro, Felsenstrasse 27.

**Eksiĝoj.**

*Besançon* (D.: Bévalot); *Devonport* (D.: Harris); *Edinburgh* (VD.: Warden); *Kamar* (D.: Lebedev); *Oxford* (D.: Maling); *Remiremont* (D.: Villemain); *Valaŝ. Meziriĉi* (D.: Haltmar).

---

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas!

Oni povas vidi bonloke afiŝitan en la Toul'a stacidomo (Francujo) grandan tabulon de mi skribitan en la lingvoj franca, germana, angla kaj Esperanta, rilate al specialaj vojaĝkondiĉoj sur la francaj fervojoj dum Paskfestoj. Jam lastjare, je ĉiuj similaj okazintaĵoj, mi same faris, kaj mi opinias, ke estus dezirinde, ke en ĉiuj grandaj stacioj aŭ poŝtoficejoj, oni tiel faru oficialan uzadon de nia lingvo. Tion certe povus proponi al la „Administracioj", la lokaj grupoj aŭ Del. de UEA. — *R. Hug*, Esp-iano en Toul.

.·. S-ro *Camescasse*, Del. en Paris, proponas, ke ĉiuj Esp-ianoj klopodu por ke la fama pacifista libro de S-ro Norman Angell „La Granda Iluzio" (analizita en *Esperanto* de 20 febr., 5 kaj 20 marto 1911) estu tradukata Esperanten.

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *J. Krestanof*, Esp-iano el Sofia, kore dankas F-inon Djuriĉ, konsulino en Belgrad, S-ron Tressel, Del., S-ron Krumbach, F-inojn Paschenrieder, Reischoff, Esp-ianojn en München, S-ron Rusterholz, Del. en Basel, S-inon Nolotte kaj S-ron Rousseau, Del. en Dijon, pro ilia granda afableco kaj grava helpo dum vojaĝo.

.·. S-ro *F. Doré*, Esp-iano en *Troyes*, kore dankas S-ron Linares, Del. en Cordoba, S-ron Soriano, Del. en Sevilla, S-ron Kap. Perogordo, en Madrid, S-ron Sabadell, Del. en Barcelona, kiuj tiel bone akceptis lin kaj lian edzinon dum vojaĝo tra Hispanujo dum februaro 1913.

## Konsiloj al libramantoj

Tial ke multaj esperantistoj sendas al ni mendojn por la nove eldonita originala romaneto „Tri Angloj Alilande" pagante la prezon Sm. 0,500 per poŝtmandato, mi deziras doni al ili konsilon por ke vole-nevole ili ŝparu sian mendelspezon. Efektive se tiuj samideanoj mendas librojn el multaj landoj, ili baldaŭ estos senutile forĵetintaj pro poŝtelspezoj kelkajn spesmilojn, kiuj povus esti utile uzeblaj por la ĝenerala propagando.

Ekzemple, por pagi Sm. 0,500 pere de poŝta mandato, ili estas devigataj pagi almenaŭ Sm. 0,120 por la mandato mem kaj Sm. 0,100 por la afranko de la menda letero enhavanta la mandaton. Se la sendanto volas certiĝi pri la alveno de sia mono al la dezirata celo tio kostas al li alian Sm. 0,080 ĝis 0,100, do la plena kosto estas de Sm. 0,220 ĝis Sm. 0,320.

Samideanoj de kelkaj landoj, kiel ekzemple la hispanoj, ne havas ian ajn rimedon aĉeti libron aŭ aliaĵon eksterlande krom sin turnante al banko, kiu pagigas eĉ pli multe ol poŝtaŭtoritatoj.

Al ĉiuj ili, ĉu por ebligi aĉetadon en fremdaj landoj, ĉu por faciligi la pagon kaj malgrandigi la sendelspezojn, mi diros: aliĝu al la internacia banko de esperantistoj „Ĉekbanko Esperantista", Merton Abbey, London S. W.

Por tion fari sufiĉas sendi Sm. 10 al Ĉekbanko, kiu tuj malfermos konton al la postulanto. Kompreneble oni povas malfermi grandan konton kiel en ĉiu alia granda banko, sed la fondinto kaj nuna posedanto de la Ĉekbanko konsentas la malfermon de tre malgrandaj kontoj por permesi eĉ al la plej malriĉaj esperantistoj, ke ili povu ricevi privilegiojn similajn al la plej favorigitaj de la sorto.

Ne estas ĉi tie la loko por detale priparoli tiun gravan kaj utilo-plenan institucion, kaj mi nur aludos la internacian anstataŭigilon de la poŝtmandato: mi volas diri la *transpagilon*, la internacian monŝparigan pagilon.

Ĝi estas karteto, kiu similas banknoton, per kiu kontulo donas instrukcion al la banko transpagi difinitan sumon el sia konto en la konton de iu alia kontulo.

Ĝi formas detranĉeblan parton de ordinara poŝtkarto, kies dorsan flankon oni povas uzi por komunikaĵoj, same kiel oni uzas poŝtajn kartojn.

Transpagilo elmontras la sumon nur en spesmiloj, kaj ili taŭgas nur por pago de unu konthavanto al alia, sed nuntempe ĉiuj esperantistaj librovendistoj aŭ asocioj estas kontuloj de la banko, kaj do akceptas la transpagilojn kaj ĉekojn de Ĉekbanko, eĉ por sumoj la plej malgrandaj. (La delegito du UEA por Londono ofte ricevas transpagilojn po Sm. 0,100, valoro de respondkupono; tiu sendmaniero estas pli malkara ĉar ĝi estas sendata kiel poŝtkarto por Sm. 0,040 dum respondkupono devas esti sendata en letero kiu kostas Sm. 0,100 kaj ĝi mem kostas 20 spesojn.

Ĉekbanko posedas korespondantan bankon en Germanujo, kaj ĉiujare havas oficejon ĉe la sidejo de la kongreso, tial ke samideanoj povas pagi sian kotizaĵon aliĝan al la internacia festo pere de transpagilo, kies sendo kostos ĉiuokaze nur Sm. 0,040 dum pago per poŝtmandato kostus almenaŭ Sm. 0,250 se nur kongreskarto estas mendita kaj pli multe, se ankaŭ pago estas sendata por ĉambro, pensiono, ekskursoj, k. t. p.

Ĉiu samideano aliĝu do kiel eble plej baldaŭ al Ĉekbanko, kaj ŝparu monon, kiun li povos plej utile uzi por la propagando de Esperanto. *Paul Blaise.*

*PS.* Mi profitas tiun okazon por sciigi al ĉiuj samideanoj, ke mi de longe ne plu laboras ĉe Ĉekbanko, kaj petas ke ĉiuj petoj pri informoj estu sendataj rekte al la estraro de la banko.

---

# Alvokoj

## Kion fari?

Kvankam nia movado kreskas ne-reteneble, ni tamen bedaŭrinde devas rimarki, ke gravaj progresegoj ne ankoraŭ povis esti atingitaj, kontraŭe ni ofte puŝiĝas al malsprita apatio aŭ inerta malagemo, kaj sensukcese ni ree kaj ree devas batali kontraŭ tiuj niaj plej fortaj malamikoj. Multega laboro, sennombraj paroladoj kaj nelacigebla fervoro preskaŭ vane jam estas oferitaj, kaj neniu povas riproĉi, se fine la plej fervora pioniro laciĝas.

Kion fari, kiel helpi? nun ankoraŭ vojon, kiu jam estis uzata sukcesplene: Ni turnu nin al rondoj, kiuj tre bone povas juĝi pri la valoro de mondlingvo, kiuj kutime kaj afere rilatas kun la plej diversaj popoloj, kaj kiuj havas komprenon por helplingvo, kiu ĉiam estos uzata, kiam la propra lingvo ne plu sufiĉas, do al la rondoj industrio, komerco kaj trafiko.

Se ni volonte kaj laŭcele helpos al tiuj entreprenoj, ni baldaŭ ricevos la plej potencajn amikojn de nia movado. Nombro da ili jam presigis katalogojn, prezarojn, prospektojn, gvidlibrojn k. t. p., kiuj volonte estas disponigataj por konscienca disdono; tial estas nepre necese, ke ni zorge ilin portu al la diversaj konsiderindaj interesuloj, la katalogojn al vendistoj, prospektojn al konsumantoj, gvidlibrojn al frekentataj lokoj, ekzemple vestibloj de hoteloj k. t. p.

Estas ne postulo, ke la ricevinto komprenu nian lingvon, sed sufiĉas, se ili ĝin vidas kelkfoje kaj per tio interesiĝos pri ĝi; malkorekte estas, se ni donos al la unua samtempe tro da tiuj propagandiloj, tiel ke li ne povos dediĉi sufiĉan tempon aŭ penon por ilin studi, sed ĵetas ilin en la paperujon; same estas malĝuste, se ni kaŝas la skribaĵojn en la esperantistajn arkivojn, kiuj ĝenerale estas tomboj por esperantaĵoj, ne plu alportonte profitojn al la entreprenoj, kiuj estonte rifuzos presigi novan eldonon.

Se ni montros, ke Esperanto fakte estas praktike kaj profiteble uzata, certe ĉiu ajn komprenos, ke ni atingis gravegan celon, al kiu ni ĉiam devas dediĉi niajn plej intensajn fortojn; sed ni same devas faciligi la decidon, promesante senkostan precizan tradukon kaj disdonon tra ĉiuj landoj.

Imagu, ke ĉiu grupo atingos la esperantiĝon de la reklamo de nur 5 entreprenoj pojare, ni post 3 jaroj estos gajnintaj la mondon por nia lingvo, kaj pripensu la konsekvencon: per tiu ĉi malgranda kaj facila laboro ĉiu alia klopodo treege faciliĝos, ĉar neniu povos dubi pri la neceseco de ĝenerala ellerno de Esperanto kaj rapide oni faros tion poste.

La plenumo estas facila; ni serĉu entreprenojn, kiuj havas specialajn, ĉien sendatajn, artiklojn, ekzemple Ideal-skribmaŝino, Kodakkamero, Aglo ŝaŭmanta-vino, Wellkome fabrikaĵoj, Kijriakidis-cigaredoj, Stephens-inkoj, aŭ aliaj, kiuj propagandas por pejzaĝoj, restejoj, okazontaĵoj, kiel ekzemple Aŭstria fervojaro, Komerca Ĉambro Los Angeles, Bad Reichenhall, Universala Ekspozicio Gent, kaj sendos al la estraroj, tre belan kolekton de jam eldonitaj esperantaj reklamiloj; ni citos, ke tiaj esperantaĵoj atentigas ĉiulandajn interesulojn, ke verŝajne simila reklamo estus tre profita por la entreprenoj kaj ke ni volonte helpos per senkosta traduko de ĉiuspecaj skribaĵoj; ni diros plie, ke la Virtemberga Esperanto-Instituto, Esslingen a. N. estas centro por disdoni tiajn reklamilojn tra la tuta mondo, tiel ke restas nur la malmultaj kostoj de presigo kaj sendo al la Instituto.

Estas evidente, ke tia preparo kaj faciligo konvinkas kaj kaŭzas multajn sukcesojn, sed estas necese esti persistema; ofte estas pli bone, se ni unue ne sukcesas, por povi poste pli bone venki; se ni komence inter 10 entreprenoj povas iniciati du, ni estu kontentaj kaj vigle ni marŝu kontraŭ la aliajn, ĝis fine ni estos atingintaj veran Esperantujon. Virtemberga Esperanto Instituto

Esslingen am Neckar.

## Kamaradoj fervojistoj!

Trastudante la Esperantan kaj la neesperantan gazetaron ni sciiĝas, ke la Esperanto-movado jam estas tia potenco kiu eĉ timigas la asociojn pritraktantajn gepatrajn lingvojn. Preskaŭ ĉiujn fakorganizojn Esperanto enpenetris. Same kiel la poŝtoficistoj ankaŭ ni fervojistoj jam posedas propran asocion.

Sed kio mankas al ni fervojistoj? Bedaŭrinde la ĉefafero al ni mankas, nome vigla interdiskutado faka, per kiu oni nur povas pli firme interligi la adeptojn de nia kara lingvo. Tial ni devas serĉi vojon, kiu kondukas nin al ĉi tiu celo, kaj mi petas ĉiujn Esperantistajn fervojistojn helpi nin per instigo de kolegoj kiuj ĝis nun ne montris intereson al Esperanto.

Ni ĉiam devas montri, ke scio estas potenco kaj ke ni ne ĉiam bezonas tujan profiton por nia agado. La profito por ni gajnita per Esperanto plie estu la pliriĉigo de nia konscienco kaj la sento, ke estas ebla al ni interkomunikiĝi kun ĉiuj ajn alilanduloj. Ĉu tio ne estas grava kaj akirinda afero? Oni ne rediru, ĉi tiu celo ankoraŭ ne estas atingita, ĉar ĉie la Esperantianoj ornamitaj per verdaj steloj ne jam estas videblaj.

Ni ĉiuj certe scios ke plibonigon de nia pozicio nur kaŭzas inteligenteco kaj diligenteco. Tial la lernado de Esperanto nepre ne estas nur ideala afero, sed praktika klerigilo utila por gajni pli bonan vivstaton.

Tion ĉiu fervojisto Esperantista uzu kiel argumenton por la disvastigado de Esperanto inter la fervojistoj kaj la sukceso ne mankos.

Oni aliĝu al *Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj* kaj sendu monon al ĝia sekretario: S-ro fervojasistanto Alfred Petzold, Königstrasse 4, III., Leipzig (Germanujo).

Membro-kotizo jara: 1,50 Sm. kun *senpaga* gazeto. Subtena membro kotizo jara: 0,50 Sm. *E. Szymanowski* (Bromberg)

vicpres. de la IAEF.

## Karavano al la Brita Esperanta Kongreso

S-ro Souchay, 134, Boulevard Exelmans, Paris, konsulo de UEA, rememorigas al la partoprenantoj de la karavano al Eastbourne, ke ili plifaciligus la taskon de la organizantoj (kaj estos pli bone loĝataj) sendante sian aliĝon plej frue.

## Busto William Stead

La nederlanda gazeto *Handelsblad* proponas fari monkolekton por skulptigi marmoran buston de la konata angla ĵurnalisto kaj ĝin meti en la pacpalaco en Hago.

Samideanoj kiuj intencas kunlabori por la efektivigo de tiu plano povas sendi sian adreson al la subskribinto, kiu komunikos la nomojn al la prepara komitato. *J. F. v. Dam,*

Spaarne 2, Haarlem.

## Venu Regensburgon

La ĉefaj tagoj por la festa starigo de la busto de Richard Wagner en la Valhalo estos la 28—29 majo. Ĉiuj artamantaj Esperantistoj, kiuj restadas je tiu tempo en Germanujo kaj havos la sufiĉan tempon, estas kore petataj viziti la malnovan, tre interesan urbon Regensburg kaj certe ne pentos pri tio, tiom pli ke la Regensburgo Esp. rondo decidis laŭeble subteni ĉiujn samideanojn kaj plibonigi ilian restadon ĉi tie. *H. Reuss,* vicdel.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. Pl = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

BILBAO (Hispanujo). — S-ro D. Albert, Heros 24.

BRNO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Karel Fadrus, 38, Tivoli, stud. de komerca akademio.

BRNO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Dolezal, 43, Giskrova.

BRNO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Matoušek, 16, Antoninska.

BRNO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Hrstka Oldi, Radlasgasse 14.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, Pl. PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Victor Szlama VII. Muranyi 32/III/31, Pl. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Jozefo Madari, 1. Kerent u. 9.-I, Pl. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungarujo). — F-ino Elizabetujo Vagi, IX Grof Haller u. 4/III/60 (kun ĉiulandaj fraŭloj pri sporto, amuzo k. t. p.)

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Francisko Vagi, IX Grof Haller u. 4/III/60 (kun ĉiuj landoj; pri seriozaj temoj).

BUDAPEST IX (Hungarujo). — S-ro Lajos Zsarnay, Raday-utca 17. I. 16.

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Grosz Mòr, universitatano, VI. Izabella-u. 68. I. lo. L. Pl. (kun ĉiulandaj geinteligentuloj).

CHICAGO III (Usono). — S-ro J. Wieczovkiewicz, 1809, Hervey Str., Pl. L.

CLEVELAND (Usono, Ohio) — S-ro Stanley Kozminski, 3422 Seymour Ave.

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, Pl. PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DUESSELDORF (Germanujo). — S-ro J. Tombergs, Mülheimerstrasse 5, Pl. bfl. (kun negermanaj samideanoj).

HRONOV (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Turek, PK. Pl. PM.

JURJEV (Rusujo, Lifl.)- — S-ro J. Wahtkerl, Novaja 28 R. 11 (fotografaĵoj kun eŭropaj gefraŭloj escepte rusaj).

KAMENJ-RYBOLOV (Rusujo). — S-ro Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro, Pl. PM. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte rusaj, aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj kaj hispanaj).

KAZAN (Rusujo). — S-ro Vadim Buŝkov, stud. juristo, Nomera Volga, Pl.

KAZAN (Rusujo). — S-ro N. Rudnickij, poŝtoficejo.

KAZAN (Rusujo). — F-ino A. Lesŝeva, str. Staro-Gorecnaja, d. Mullina, kv. 13.

KIEL (Germanujo). — S-ro P. Möller, Kirchhofallee 100, Pl. PM. (povas sendi belajn kartojn pri la germana milithaveno kaj militŝiparo).

LAZY P. BRANKY (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Marka Vadasova.

LIPPSTADT (Germanujo). — S-ro K. Dölling, Möllerstrasse 4, Pl.

MONTBÉLIARD (Francujo, Doubs). — S-ro Charles Gangloff, Pl. (kun gesamideanoj el ĉiuj landoj).

NAGYKÖRÖS (Hungarujo). — S-ro Szalay Ambrus, X. ker. No. 17, Pl. PM.

NIEDERAU BEI MEISSEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro Kurt Börner, instruisto (nur kun eksterlandanoj).

OLOMOUC (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Rud. Petr., asistanto de l'drogejo, Ferdinandova str., Pl. bfl. (kun ĉiuj landoj).

ORIZABA VER. (Meksikujo). — S-ro Victor Robres, „El Fenik", PK. (speco de suverenoj, militaristoj; politikaj portretoj).

OVERBROOK (Usono, Pa.) — S-ro C. Wayne Vogdes, St. Charles Seminary, Pl.

PALMA DE MALLORKA (Hispanujo). — S-ro Juan Urgelles, 56, Apuntadores Pl. PM. L.

PASADENA (Usono, Californio). — S-ro J. B. Vreeland, 515, E. Colorado Str., L. kun socialistoj; Pl. kun ĉiuj landoj.

POLSKA OSTRAVA (Aŭstrio, Silezio). — S-ro Alois Havlasek, studento, Pedagogium 988.

PRAHA I (Aŭstrio). — S-ro František Novak, horloĝisto, Male nam. lo., Pl. (volonte kun horloĝistoj pri fakaj aferoj L.).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Jayme Fernandes da Silva, str. Marechal Rangel 101 Madureira, PK. L. (kun ĉiuj landoj).

RJAZANJ (Rusujo). — S-ro Roman Ĵavorokov, Mjasnickaja d. Arefiev, PM.

RYBINSK (Rusujo). — S-ro M. Plamenevskij, instruisto, Krestovaja ul. 104, gimnazio, Pl. L. (pri ĉio precipe pri vojaĝo, kiun li faros somere tra Francujo).

STADE, HAN. (Germanujo). — F-ino Anni Tegtmeyer, Poststrasse 20, Pl.

SZENICZE (Hungarujo). — S-ro Miszal Pal, niomdasz, Pl.

ST. PETERBURGO (Rusujo). — Princino Ĉegodaeva, Ligovka 44, kv. 518, Pl. (nur kun ĉefurbanoj kaj neeŭropanoj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). — F-ino V. Berjenova, Peterb. Stor. Malij prosp. 70, loĝ. 10, Pl.

TAMPERE (Finlando). — S-ro K. Raithalme, studento, Saarikatu 14, Pl. (precipe kun fraŭlinoj en ĉiuj landoj).

TAMPERE (Finlando). — S-ro Lennart Larson, 19-jara, Hallituskatu 23, Pl. (plej volonte kun samaĝulinoj).

TAMPERE (Finlando). — S-ro Martti Hj. Siren, 17-jara, Kullervonkatu 1, Pl. (precipe kun junulinoj).

TAMPERE (Finlando). — S-ro Yrjö Lektinen, 17-jara, Rongankatu 4, Pl.

TOULON (Francujo, Var). — S-ro Sylvain Renoux, 5, Cité Mantéty, Pl.

UFA (Rusujo). — S-ro N. Krassovskij (Petas pro enketo la opinion pri la sufiksoj „oz, iz, iv" kaj pri ebla utileco de enkonduko).

VEGHEL (Nederlando). — F-ino Louise v. Son, Hoofdstraat, L. PK.

VESEC P. JIĈINEVES (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jare Mendik, Pl.

WARNSDORF-I-B. (Aŭstrio). — S-ro Carl Fischer, Creditanstalt, Pl. PM. oficial PK. (respondas nur sur belaj kartoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Postulu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorrraine, *Baune*, Côte-d'Or, Franclando.

FIRENCE (Italujo). — Ĉe la Delegito S-ro L. Scarselli F-ino aŭ S-ro povas trovi pensionon kaj lecionojn per Esperanto.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

KOLEKTANTOJ! Por responkupono 2 esperantajn poŝtkartojn! Aŭtoroj dezirantaj presigi sian verkon skribu al C. Polak, Kiew (Ruslando), kontoro „Mazut", almetante respondkuponon.

LABOREMA KAJ INSTRUITA 25-JARA JUNULO, nuntempe en nedaŭra okupo ĉe Austria fervojo, serĉas daŭran oficon en ia komerca, konstrua aŭ fervoja entrepreno. Li vizitis 4 klasojn de mezlernejo kaj estis suboficiro. Posedas kelkjaran praktikon pri administra fako, librotenado kaj fervojaj aferoj. Scias germanan, ĉeĥan kaj esperantan lingvojn parole kaj skribe. Proponojn sendu al S-ro *Ad. Klein*, en: *Wischaŭ* (Moravio, Aŭstrio, Eŭropo).

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso: Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

